# REGO

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* *№ 2-3 (81-82) junio 2014*




**en la numero**



**Moskvo, 2014**

# *enhavo*






**REGo**
**(Rusia Esperanto-Gazeto)**
***№ 2-3 (81-82) junio 2014***
*aperadas ekde 2000*

***redaktas*** **Georgij Kokolija**
***kunredaktas*** **Viktor Aroloviĉ**
***kunlaboras*** **Maksim Griŝin**

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* gazeto@mail.ru

***abontarifoj por 2014:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 580 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo "Яндекс.Деньги"

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj*
*pagendaj al la konto* ***kklg-r*** *ĉe UEA*

***elektronika abono** – 300 rub. (10 eŭr.)*

## Viktoro Kudrjavcev
### *(08.10.1957 – 01.04.2014)*

Viktor Vasiljeviĉ Kudrjavcev naskiĝis la 8-an de oktobro 1957 en la urala urbeto Niĵnjaja Salda. Post la fino de la politeknika instituto en 1980 en la sudurala industria urbo Ĉeljabinsk li fariĝis diplomita inĝeniero-elektristo. En 1980 – 1982 Viktoro militservis en Sovetia Armeo kiel milita inĝeniero de la fama raketa startejo Bajkonur en Kazaĥio, partoprenis kosmostartan pretigon de pli ol kvardek diversaj spacaparatoj kaj ŝipoj, preparadis raketajn startojn kun unuaj eksterlandaj kosmonaŭtoj ricevinte memormedalon okaze de la 25-jariĝo de la startejo. Ekde 1986 li konstante loĝis en Jekaterinburg.

Viktoro unuafoje informiĝis pri Esperanto kiel lernejano legante la fikcian romanon de Isaj Davidov "Mi revenos post mil jaroj", kie en tre fora estonto Esperanto estis menciata kiel delonge formortinta planlingvo kaj la teranoj parolis jam la tuthomaran "globan" – hibridan lingvon el la rusa kaj la angla. Sed subite en 1976 li konatiĝis en la Publika urba biblioteko kun reale vivantaj kaj "tute ne formortintaj" esperantistoj varbantaj homojn al nova E-kurso. Estante tre scivola juna homo kaj kapabla studento, li ne povis preterlasi tiun favoran eblecon ekkoni la lingvon kaj samjare finis la bazan kurson gvidatan de Viktor Laptev ĉe Ĉeljabinska esperantista klubo.

Somere li partoprenis la faman SEJT-18 en Tiĥvin. Jen kiel li priskribis siajn tiamajn impresojn: "La esperantista tendaro konsternis min per sia neordinara etoso, kia neniam troveblis en la instituto, Komsomolo, en aliaj institucioj de la kazernaspekta USSR. Ĉio estis saturita ĉi tie per la aero de libero kaj malstreĉiteco. La vivo fontis ĉi tie! La tendaro tiom ŝargis min energie, ke reveninte en Ĉeljabinskon mi tuj organizis novan kurson de Esperanto, kvankam mi mem povis tiam apenaŭ instrui kaj paroli en Esperanto. Sed la entuziasmo agitis min..."



Ĉu povis Viktoro kiel esperantisto resti nur senpretendema



movada asistanto? Kiu konis lin bone, precipe lian karakteron, kies plej reliefaj trajtoj estis laboremo, vivĝoja entuziasmo, reala entreprenemo kaj kapablo aŭdace fronti novajn projektojn, tiu konfirmus, ke sen aktiva sinteno li apenaŭ povus memrealiĝi ankaŭ en la esperantista medio. Lia destino estis fariĝi aktiva esperantisto kaj ĝui dum sia tuta vivo Esperanton, kiu liaopinie “estis ne nur lingvo, sed granda, varia, multkolora, mirinda kaj neripetebla mondo!”

Li vigle interesiĝis pri multaj aferoj en la vivo: politikaj problemoj, kulturaj temoj, lingvaj kaj movadaj demandoj, mondvojaĝoj – kaj kapablis ne blinde rezignacii, sed fari memstarajn analizojn por trovi propran neafektitan starpunkton pri diversaj faktoj kaj eventoj. Tamen malgraŭ sia suverena pozicio li neniam strebis esti dominanto en la interpersonaj rilatoj kaj sciis trakti homojn amike kaj egalrajte.

Jen kelkaj respondoj de li al la demandaro destinita por persona retpaĝo.

Klero: supera.

Fakultato: aparatkonstrua de Ĉeljabinska Ŝtata Politeknika Instituto.

Vivpozicio: modera.

Vivkoncepto: sekulara humanismo.

Interesoj: la planlingvo Esperanto, sporto, aktiva ripozo, vojaĝoj.

Ŝatata muziko: trankvila, melodiplena, popola, barda.

Ŝatataj filmoj: ora kolekto de plej bonaj sovetiaj filmoj.

Ŝatataj televidaj programoj: humuraj, sprite intelektaj, ŝercaj.

Ŝatataj libroj: rusa klasika literaturo kaj multo alia.

Ŝatata sporta ludo: retpilko.

Ŝatataj citaĵoj: aforismoj.

Viktoro estis patrioto de Uralo, li ŝategis sian “malgrandan patrujon” al kiu li fidelis ekde la infanaĝo kaj ĝis la lastaj tagoj. Li serioze studis regionografion, bone sciis geografion de la provinco, multe turismis tra pitoreskaj ĉirkaŭaĵoj de Jekaterinburg, kelkfoje unuope boatnavigis laŭ la rivero Ĉusovaja. Li ne nur scipovis pasie rakonti pri la uralaj naturbelaĵoj, sed

ankaŭ tentis geamikojn kaj samklubanojn al neforgeseblaj kolektivaj piedmarŝoj kaj semajnfinaj vizitoj al unikaj naturaj objektoj.

En la komenca periodo de sia E-agado li aktive korespondis starigante amikajn ligojn kun multaj alilandaj gesamideanoj, dank' al kiuj li faris interesajn eksterlandajn vizitojn. Krome li sukcese realigis kelkajn gravajn projektojn. Pli ol dudek jarojn Viktoro gvidis propran korespondan kurson de Esperanto. Unue la kurso funkciis paperpoŝte, poste ĝi uzis retservojn. Varbante al sia kurso lernantojn li senlace publikigadis centojn da informartikoloj en la landa gazetaro. Furoran lavangon de aliĝpetoj provokis lia artikolo pri Esperanto en la populara porinfana magazino "Pioner" (Junpioniro), kies eldonkvanto (1990) atingis pli ol 4 milionojn da ekzempleroj.

Ĉi tiu grandskala instrua projekto generis ideon pri eldonado de bulteno "Komencanto" por korespondkursanoj ekde 1992, sed en 1998 – 2009 la modesta bulteno jam populariĝis tutmonde kiel internacia revuo por komencantaj aŭtoroj kaj komencantaj esperantistoj, ofertante komfortan niĉon al verkemuloj de pli aĝaj generacioj ol ekzemple "Juna amiko" kun ties preferata porlernejana kaj infana celgrupoj. En 2005 Viktoro kaj lia edzino Raja laŭ la invito de la nacia Organiza Komitato prezentis "Komencanton" al la 92-a Japana Esperanto-Kongreso en Jokohamo.



En la epoko de la Interreto Viktoro aktive ekuzis novajn teknikajn kontakteblecojn lanĉinte du proprajn popularajn paĝarojn: "Koresponda Servo Universala", kiu havas nun jam pli ol kvincent korespondpetintojn el dekoj da landoj; kaj ruslingva projekto "Esperanto-plus" prezentanta multajn informajn materialojn pri la lingvo kaj esperantista agado. Ekde la starto de la paĝaro "Ural-Siberia esperantista movado" li estis ĝia konstanta afiŝanto kaj lingva konsultanto.

Viktoro estis grava organizanto de la esperantista movado kiel en la landa skalo tiel ankaŭ en Uralo. Dum pli ol tri jaroj (2002 – 2005) li estis estrarano de REU, respondeca pri la regiona agado. Sed pli frue, ekde 1988 ĝis 2001, li aktivis en la Urala Esperantista Societo, plenumis taskojn de ĝia komitatano kaj prezidanto. En 2003 li iniciatis novformatan ural-siberian

esperantistan renkontiĝon EsPrimo (Esperantista Primavero), kiu dum la pasinta jardeko renomiĝis en Rusio kiel sukcesa manifestiĝo de kunagadaj laborformoj ene de grandega regiono.

La 4-an de junio 2007 en Jekaterinburg fondiĝis junulara esperantista klubo "Arĝenta flamo", al kiu la geedzoj Kudrjavcev tuj aliĝis trovante en la jungeneracia medio novajn inspirojn kaj stimulojn. Sen ilia zorga kaj senlaca protektado la nova kolektivo ne povus tiel rapide kaj sukcese evolui.

Adiaŭa forumo iĝis por Viktoro Kudrjavcev la 10-a EsPrimo, ĉar unu monaton li ne ĝisvivis la jubilean kunvenon de ural-siberiaj esperantistoj, kiuj dum tiuj tri majaj tagoj multe sentis lian mankon.

La 1-an de majo 2014 membroj de la esperantista klubo "Arĝenta flamo" dum EsPrimo-10 omaĝis al Viktoro organizinte kortuŝan memorvesperon, dum kiu brulis kandeloj, sonis paroloj de liaj geamikoj el diversaj urboj, oni rememoris lin kiel interesan homon, patriotan civitanon, edzon, amikon, esperantiston. Krom tristo tra la kandelaj flamoj flagris nereala sento de lia ĉeesto inter la EsPrim-anoj, kvazaŭ li nur por momento forlasis ĉiujn por tuj reveni rapidpaŝe, sprite saluti ĉeestantojn en sia neripetebla maniero kaj deklami sian ŝatatan poemon de Julio Baghy "Estas mi esperantisto" aŭ trafe aŭdigi novan gajan ŝercon aŭ aforismon el sia senfunda kolekto de saĝaj pensoj. Se li povus reveni, li dezirus al la vivantoj pace "ĝui ĉi tiun mirindan mondon de Esperanto", kiun li mem tra la jaroj spertis plenanime, ĝue kaj senrezerve.

***Vladimir Opletajev (Surgut)***

## REMEMOROJ PRI VIKTORO

***Lidija Jerofejeva (Niĵnij Tagil)***



Mi konatiĝis kun Viktoro en 1986 dum la renkontiĝo de Urala Esperantista Societo en Sverdlovsk. Li estis juna, vigla kaj tre aktiva homo. Ĉiam ridetema, pozitiva, ŝercema, komplezema. Mi tuj komprenis, ke li estas unu el tiuj, kiuj tenas disvastigon de Esperanto sur siaj ŝultroj. Viktoro partoprenis ĉiujn eventojn kaj multe kontribuis al disvolviĝo de Esperanto en nia regiono. Multajn jarojn Viktoro publikigis diversajn artikolojn pri Esperanto en lokaj kaj centraj ĵurnaloj.

Viktoro dediĉis sufiĉe da tempo al koresponda kurso. Li multfoje estis la ĉeforganizanto de diversaj renkontiĝoj en Uralo, kaj ĉiam ili estis sukcesaj. Foje mi demandis Viktoron, kiamaniere li atingis bonegajn rezultojn. Mi supozis, ke li kaj Raja zorgeme kaj kreeme preparis la programojn, kaj mi opiniis, ke pro tiu kauzo multe da homoj partoprenis, ĉar ĉiuj eventoj ŝajnis interesaj por la esperantistoj. Sed Viktoro konfesis al mi, ke la enhavo de la programo estis certe grava, tamen tio ne sufiĉis por sukceso. Kaj li klarigis, ke la plej grava problemo estis kolekti homojn, konvinki ilin partoperni la renkontiĝon. Kaj Viktoro estis unika homo, kiu povis trovi necesajn, precizajn vortojn por kuraĝigi esperantistojn ke ili kontribuu al la eventoj. Li ŝparis nek tempon, nek monon por telefoni preskaŭ al ĉiuj aliurbanoj kaj diri konvenajn vortojn, por ke la homoj sentu sin bonvenaj kaj bezonataj, kreivaj kaj valoraj. Viktoro ŝajnis al mi modesta homo, tamen vivplena, energia, erudicia, kiu neniam fanfaronis, vivis simplan vivon, verŝajne eĉ asketan, amante la naturon kaj korpekzercadon. Li dediĉis sian vivon al la ideo de Esperanto, zorgante pli ofte pri aliaj esperantistoj ol pri si mem.




***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

Mi ne memoras, ĉu mi konis Viktoron antaŭ mia reveno el Vorkuta; ŝajnas ke mi ne konis lin. Do la interkonatiĝo okazis komence de la 1990-aj, kaj eĉ ne persona, sed nur koresponda. Mi abonadis la revuon "Komencanto", lanĉitan de Viktoro; foje, petita de li, mi eĉ skribis nelongan biografian tekste-



ton por la revuo. Kiam li decidis ĉesigi la eldonadon, mi vere bedaŭris, ĉar la revueto estis bonega legaĵo ankaŭ por miaj komencantoj. Sed mi vidis laboron de Viktoro en du EsPrimoj, kaj ĝi estis elstara! Lia inventemo kaj entuziasmo estas modelo por mi.




***Sergeo Straŝnenko (Rigo, Latvio)***

Mi tro malabunde kontaktis kun Viktoro persone, tamen mi admiras lian agemon kaj fidelon al Esperanto, pri kio mi riĉe eksciis el la buŝoj de aliaj. Forpaso de tiaspecaj sindonaj samideanoj ĉiam kaŭzas gravan perdon por nia rondo. Mi, kiel esperantisto "naskiĝinta" en la ural-siberia regiono, plu esperas, ke la ekzemplo de Viktoro restos valora heredaĵo por novaj generacioj.

***Oljga Ŝiljajeva (Glazov, Udmurtio)***

Mi bone memoras la daton, kiam mi konatiĝis kun Viktor Vasiljeviĉ. Tiu estis la 17-a de decembro 2011. Jes, ni estis konataj en la fizika vivo nur dum sufiĉe mallonga tempo, tamen restis tiom da belaj rememoroj pri Viktoro. Mi neniam forgesos, kiel varme, tute patre, li ĉiam renkontis min, kiam mi vizitis Jekaterinburgon – jen mi venis por festi Zamenhof-tagon, jen por trapasi KER-ekzamenon kaj fari marŝadon al "Diabla rokaro", jen la sekvajn jarojn mi denove venis al Zamenhof-festoj. Li ĉiam interesiĝis, kia estis mia alveno, dum kiom da horoj mi vojaĝis, ĉu mi estas malsata ktp. Venas al mia kapo alia ĉarma rememoro. En la erao de Interreto, kiam grandegan rolon en la komunikado ludas ret-



mesaĝoj, Viktoro ĉiam persone telefonis al esperantistoj dum naskiĝtagoj. Estis tre agrable preni vespere la aŭskultilon kaj aŭdi konatan amikan voĉon el la fora Jekaterinburgo. Tiu estis vere neforgesebla donaco, kiun mi gardos en mia koro la tutan vivon. Oni diras, ke Dio forprenas la plej bonajn homojn. Viktoro estis vere bona homo, entuziasma, fidela amiko, kiu ĉiam pretis helpi, solvi problemajn aferojn, konsili kaj transdoni sian sperton. Mi ĝis nun ne volas kredi lian forpason...




*Viktor Laptev (Ĉeljabinsk)*

**Memore al Viktor Kudrjavcev**

Tristas kor-anime ni.
Ĵus el nia kompani'
Kaj amatan, kaj unikan
Mort' elŝiris la amikon.

Laŭ la sorto tre malica
Tro rapide, pretervice,
Jen forlasis nin Viktoro –
Nia vera ĉefmotoro.

Malatente sanan krizon,
Pri aferoj organizaj
Agis li kun sinforgeso,
Zorgis pri EsPrim-sukceso!

Jen fervor' senprecedenca!
Tiu perdo senkompensa!
Pro merito brile ora
Li eternos en memoro!

Ni ne kredis je komenco
Ke Li paŝis al transmondo.
Veas, plendas nia rondo,
TutUralo Kondolencas.






Entute la renkontiĝon partoprenis 61 personoj el 19 urboj de 13 regionoj kaj provincoj de Rusio: Jekaterinburg (28), Tjumenj (9), Ĉeljabinsk (3), Moskvo (3), Glazov (2), Niĵnij Tagil (2), Vladimir (2), Jegorjevsk (1), Magnitogorsk (1), Nabereĵnije Ĉelni (1), Novosibirsk (1), Odincovo (1), Permj (1), Samara (1), Surgut (1), Tiĥvin (1), Toboljsk (1), Turgenevo (1), Uljanovsk (1).

Inter la partoprenantoj estis 26 viroj kaj 35 virinoj. La plej aĝaj esperantistoj en EsPrimo-10 estis Nikolaj Popov kaj Vladimir Terjoĥin el Jekaterinburg, ambaŭ 79-jaraj. La plej juna partoprenanto estis la 3-jara Artjom Veselov (Tjumenj).

La plej grandan E-aĝon (52 jaroj!) havas Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin). Laŭ sia E-aĝo la partoprenintoj disdividiĝis jene: E-aĝo malpli ol 1 jaro –7 personoj, de 1 ĝis 5 jaroj – 16, de 5 ĝis 10 jaroj – 5, de 10 ĝis 20 jaroj – 7, de 20 ĝis 30 jaroj – 4, de 30 ĝis 40 jaroj – 14, de 40 ĝis 50 jaroj – 6, pli ol 50 jaroj – 2 personoj.

## ONI TAMEN FOSAS SIAN SULKON

Triviala ideo, ĉu ne? – "uzu nian karan lingvon". Eĉ babile kun amiko kaj la edzo. Manifestiĝas io delikate sensebla, nia strebo al libero. Kaj de iuj ekpunktoj eblas variaĵoj de la uzo. Serioza uzanto nepre komprenas ke valoras legi, lerni kaj kulture riĉiĝi. Evidente la plej efika maniero estas kuni kun samideanoj samlingvaj.

Min ne lasas sento de miraklo kiam mi uzas Esperanton – eĉ kiam nur ion skribetas por mi mem, des pli kiam legas kaj konversacias. Antaŭ jaro, reveninte al mia naskiĝurbo Jekaterinburg post 30 jaroj, mi volonte kontaktis la lokan grupon – E-klubon "Arĝenta Flamo", pri kiu mi regule informiĝis el diversaj fontoj, nun tiom abundaj danke al Interreto, kaj kun intereso atendis la jubilean dekan Esperanto-Primaveron (EsPrimo) – la unuan tian aranĝon en Uralo partoprenotan de mi. Kaj la *miraklo* pruviĝis daŭri plenege – danke al la eblo revidi miajn longdaŭrajn amikojn kaj agrablasurprize vidi novajn vizaĝojn.

La persistinta vintro kun ties aprila neĝo ĝuste la unuan de majo cedis al

la abrupte ekinta printempo, kontribuante al la inspira etoso de la kunveno ie en sanigejo rande de la urbo. La tri tagojn plenigis preskaŭ seninterrompaj eventoj rigore reguligataj de la sanatoriaj normoj – manĝi nepre ĝustatempe (cetere bongustega dieto). La ĝenerala ĝuo konstistis el pluraj kvazaŭ nerimarkeblaj sed tiom gravaj detaloj – jen bela skribaĵo “Bonan apetiton!” sur ĉiu manĝtablo, sloganoj kaj skribaj informoj pri ĉio necesa, sendifekte funkciantaj teknikiloj sonaj, videaj k.a. (bravulo Paŭlo!), kaj la retaliro – nu, almenaŭ en la kunvenejoj; kaj ĉiuj programeroj fluis spirkapte kaj ĝuige – ĉu la konkurso imita al “Kio? Kie? Kiam?”, ĉu la bunta deklamkonkurso, ĉu vive plenumata gitare kaj piane muziko – mi ne menciu ĉiujn eventojn. Modela organizado de ĉio – sendube estas rezulto de konkreta respondeca kaj efika prepara kaj plenuma laboro de dekoj da homoj. Nia karmemora Viktoro estus kontenta – li senteble ĉeestis ĉion – en la etoso mem kaj la rememoroj pri li. La neeltenebla doloro pri lia subita forpaso kuniris la vivecon de la evento. Mi ĝojegis vidi Rajan lumi kaj rideti en ĉi tamen okazigita Es-Primo kiun li aspiris kaj preparis.




La slogano de la aranĝo “... Apliku la lingvon ne nur babilante sed ankaŭ kreante, verkante, legante” rekte kaj trafe difinas ties celon kaj etoson. La speciala gasto – poeto-verkisto-bardo-vojaĝanto – Mikaelo Bronŝtejn malavarege liveris siajn spertojn kaj historiojn de siaj rilatoj kun la fratoj Strugackij kaj multon senlace rakontis responde al demandoj – pri sia vivo en Esperantujo, deklamis kaj kantis, krom disponigi siajn verkojn legajn kaj sonajn. Estas ĝuo kaj privilegio vin koni, karestimata Miĉjo!

Bedaŭrinde ne ĉiujn programerojn eblis fizike ĉeesti pro ties paraleleco tempa. Kaj ĉiam ili finiĝis tro baldaŭ.

En la fino okazis provo pridiskuti “regionan agadon”, kio iom pensigis min: ja kio konsistigas la “sukceson” de la “agado” – ĉu la fakto de renkontiĝo (iam eĉ ĝi laŭdindas), ĉu la nombro de la venintoj/programeroj, ĉu la kvalito de la lingvo-uzado, ĉu la ebleco sin bele distri kaj simple ripozi kun la Esperanto-fono? Kaj ne gravas ke por ies paranoja orelo la artikolo “la”

estas iam mise (ne)uzata. Nu, la kunveno pritema almenaŭ konstatis ke la praktikon de EsPrimo-j indas kaj endas daŭrigi. Ne estis iuj proceduroj kaj decidoj de rajtigitoj. Tamen ni eble havas pri kio cerbumi.

Kaj mi nun havas kion plu legi, aŭskulti kaj pripensi. Dankon al la partoprenintoj de kaj kontribuintoj al ĉi jubilea EsPrimo, modela en ĉiuj aspektoj, pro la pruvo ke tiaj renkontiĝoj plu indas kaj endas, pro la plezuro vidi samlingvajn amikojn novajn kaj malnovajn kaj la esperata certo ke nia kara lingvo dependa de ĉiuj el ni, nepre ne mortos spite al regulaj promesoj de iuj.



***Andrej Peĉonkin (Jekaterinburg)***

## REMEMOROJ PRI EsPrimo-10

Por priskribi la plej bonajn sentojn ĉiam mankas vortoj. Jam pasis kelkaj tagoj post EsPrimo-10, tamen mi nur hodiaŭ igis min verki tiun ĉi artikolon – tiom malfacile estas vortumi travivaĵojn, kiam ili tiom neforgeseble belas.

Saĝaj homoj diras: kiu levis la piedon devas ekpaŝi. Kun fiero ni povas konstati, ke EsPrimo sukcese faris ĉi-jare jam sian dekan paŝon. Tio estas vere serioza atingo kaj ekzemplo por imiti.

Kiam mi eksciis, ke la jubilea EsPrimo okazos en Jekaterinburg, mi eĉ ne dubis, ke la evento estos vere altkvalita kaj certe enhavplena. Membroj de la loka E-klubo "Arĝenta flamo" ne povis fari alie.

Kaj mi ne eraris. La tri tagoj de EsPrimo pasis rapidege – tiom riĉa kaj alloga estis la programo. Ofte estis malfacile elekti el inter partoprenindaj programeroj. Mi volis samtempe ĉeesti ĉie. Tamen fizike tio ne eblis.

Unue estas menciinda "Peĉakuĉo", gvidata de Aleksandr Osincev (Jekaterinburg). Mi ravitas, kiel lerte Saŝa povas kolekti ĉirkaŭ si interesajn kreemajn homojn, kreski mem kaj inspiri aliajn. Nur kreemaj homoj kapablas fari nur dum 6 minutoj kaj 40 sekundoj tiom mirindajn rakontojn pri iu konkreta temo. Pro tio mi dankas Vladimir Opletajev (Surgut), kiu prezentis bildojn pri Andrej Rubljov, kaj Katja Arbekova (Novosibirsk), kiu pitoreske priskribis Altajon, kie ĉi-jare okazos RA – Renkontiĝo de Amikoj.

Due mi ege ŝatis partopreni la programeron de Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin) "La mondo de la fratoj Strugackij". Mi konfesas, ke sur mia libro-

breto jam delonge kuŝas kelkaj libroj de la fratoj Strugackij, donacitaj al mi diverstempe, sed mi ĉiam pensis, ke al mi ne plaĉas la ĝenro, en kiu verkas la fratoj. Tamen post la prelego de M.Bronŝtejn mi subite komprenis, ke mi volus tralegi kaj originalajn tekstojn, kaj tradukojn al Esperanto.

Interalie la tuta verkaro de Mikaelo Bronŝtejn meritas atenton – ĉu propraj verkoj, ĉu tradukoj, ĉu versaĵoj, ĉu kantoj. Malgraŭ ke ni povis demandi Mikaelon pri lia verkado kaj la vivo dum la "Konferenco de legantoj" kaj ankaŭ private, tutegale restis multaj demandoj al tiu meritplena kaj estimata homo, kiujn mi certe faros perpoŝte aŭ dum aliaj renkontiĝoj.

Post la konferenco mi kaj aliaj EsPrim-anoj dividiĝis je kvin teamoj kaj ĝuis la intelektan ludon "Kio? Kie? Kiam?", aranĝitan de Roman Jefremov (Glazov). La ludo certigis min, ke esperantistoj estas ne nur kreemaj, legemaj kaj verkemaj, sed ankaŭ scivolemaj kaj pensemaj personoj. Preskaŭ ĉiuj demandoj de la ludo estis solvitaj de la partoprenantoj. Kompreneble mi eksciis multon novan, ekzemple, kiel per la lingvo de gestoj oni montras emblemojn de aŭtoj.



Certe mi estas dankema al la organizantoj pro la interkona kaj amika vesperoj, pro noktaj ludoj kaj koncertoj, pro magia amika etoso, kiu sen ili ne aperus. Apartan dankon al kuiristoj en la manĝejo. Mi neniam estis malsata. Mi ne volas preteriri talentojn de gejunuloj el Jekaterinburg. Ili estas fotemaj, muzikemaj, pentremaj kaj kiuremaj – do ili estas tre kreemaj!

Tamen la plej grandan kaj sinceran dankon mi volus diri al Viktoro kaj Raja Kudrjavcev-oj (Jekaterinburg), kiuj dekomence estis la plej grandaj inspirantoj kaj motoroj de EsPrimo-10. Sen ili nenio okazus. Sen ili la printempo ne venus al la esperantistaro de Uralo kaj Okcidenta Siberio. Dankon, karaj!

Grandan dankon al ĉiuj, kiuj kunvivs kun mi tiujn tri neforgeseblajn printempajn tagojn! Ĝis revido dum EsPrimo-11!

***Oljga Ŝiljajeva (Glazov)***

## KURTAJ IMPRESOJ PRI EsPrimo-10

***Vladimir Opletajev (Surgut)***

La 1-an – 3-an de majo 2014 en Jekaterinburgo okazis la 10-a printempa renkontiĝo de uralaj kaj okcidentsiberiaj esperantistoj EsPrimo kun la kulturkleriga temo "Kreante, verkante, legante". Interesa kaj varia programo, aktivaj partoprenantoj, agrabla maja vetero, komforta ripozejo, kreiva etoso de gejunuloj, vivigaj kaj entuziasmigaj spertoj de aĝaj esperantistoj, neforgesebla arto de Mikaelo Bronŝtejn estas karakterizaj ecoj de la pasinta forumo konturinta plurfacetajn aplikojn de Esperanto en la regiona esperantista medio. Min aparte kortuŝis kaj forte emociis la memorvespero omaĝe al Viktoro Kudrjavcev, kiu mem apartenis al la Organiza teamo de EsPrimo-10 kaj multon faris por inde realigi ĉi tiun projekton en la ĉefurbo de Uralo. Grandan dankon kaj sincerajn gratulojn al la esperantista klubo "Arĝenta flamo" pro la brilaj organiza kaj prepara laboroj.



***Dilara Gadirova (Tobolsk)***

Mi deziras dankegi ĉiujn, kiuj venis kaj aktive partoprenis la plenriĉan programon de EsPrimo-10! De la unua tago, ŝajnas, neniu enuis. Ĉio estis anticipe pripensita, lerte planita kaj perfekte organizita. La temo de la renkontiĝo estis realigita en ĉiuj programeroj, kiuj estis vere logaj, pasis en sufiĉe alta lingvonivelo. Dank' al niaj karaj organizantoj ni multon eksciis kaj akiris novajn amikojn. Mi ĝojas, ke aperas nova generacio de esperantistoj, kiuj fervore studas la lingvon kaj aplikas ĝin en sia vivo. Ja vera vivo estas kreemo en ago. Apartan dankon mi diras al Raja Kudrjavceva, kiu konvinkis min veni kaj ne eviti ĉi tiun EsPrimo-n.

***Aleksandra Osipova (Jekaterinburg)***

Karaj partoprenintoj de EsPrimo-10, karaj geamikoj! Mi estis feliĉa vidi vin ĉiujn en Jekaterinburg dum la printempa regiona renkontiĝo! Tiuj niaj renkontiĝoj estas ne nur ŝanco por la amika interkomunikado, sed ankaŭ ebleco plibonigi nian lingvoposedon kaj ĝenerale pliriĉigi niajn sciojn. Es-

tis veraj bravuloj ĉiuj, kiuj aktive kontribuis al la programo de la renkontiĝo kaj preparis siajn prezentaĵojn, ludojn, koncertajn programerojn! Ĝuste tial la aranĝo iĝis enhavriĉa, varia, interesa. Kiel homo sportema, mi volas aparte danki Nastja Golovkina pro ŝiaj matenaj ekzercadoj kune kun ni pri jogo, kiuj helpis nin vekiĝi kaj akiri la pozitivan energion por la tuta tago! Pri Amika Vespero en la dua tago mi memoros kiel pri la plej alloga kaj mirinda dumrenkontiĝa evento kaj pri la memorvespero omaĝe al nia amiko Viktoro – kiel pri la tre kortuŝa kaj neforgesebla… Por mi persone ĉiuj tri tagoj de EsPrimo-10 iĝis vera festo, plen-plena de la varma etoso, amikeco, kreado. Dankon al vi ĉiuj! Mi atendos niajn novajn renkontojn!

***Mansur Mamkin (Tjumenj)***

La antaŭa EsPrimo-9, pasinta apud Tjumeno, estis bonega. Sed ĉi-foja EsPrimo estis eĉ pli bona! Kaj por mi evidentiĝis, ke alie eĉ ne povis esti, kiam ni aplaŭdis la tutan organizan teamon dum la solena fermo. Estis brila teamo! Dankon al vi, “Arĝenta flamo”, dankon al la glazovanoj pro la bonega ludo “Kio? Kie? Kiam?”, sed ne nur pro tio! Mi tre ĝojis denove renkontiĝi kun la amikoj el pli foraj urboj. Nia ĉarma Nastja Golovkina kun la ventrodancado kaj matena jogumado estis bravulino! Estis belega komuna koncerto... kaj multo alia, kio porlonge restos en la memoro.

***Lidija Jerofejeva (Niĵnij Tagil)***

Mi partoprenis EsPrimo-n kun printempa ĝojo kaj ĝuis la tutan programon, kie mi povis ĉeesti. Al mi ŝajnas, ke la plej okulfrapaj meritoj de la renkontiĝo estis jenaj: unue, neniu krokodilis (mi persone tion ne aŭdis); due, la etoso estis vigla, kun la varia kaj abunda programo; trie, al la programo kontribuis partoprenintoj el diversaj urboj, kio ĝin certe riĉigis; kvare, oni povis havi elekton inter vizitataj programeroj; kvine, la juna generacio de esperantistoj estis ne nur talentuloj, sed ankaŭ bonegaj organizantoj, kaj tio instigis min pensi, ke Esperanto ne mortos dum multaj sekvontaj jaroj; sese, estis luksaj kondiĉoj kaj



manĝaĵoj kontraŭ malaltaj prezoj kun teumado tage kaj nokte. Mi dankas ĉiujn organizintojn, prelegintojn, diskutintojn, peĉakuĉintojn kaj ordinarajn partoprenintojn pro neforgesebla tempo, kiun mi pasigis dum du tagoj en Jekaterinburg. Mi akiris novan impulson por praktiki mian amatan lingvon. Apartan dankon al Raja kaj Viktoro Kudrjavcev, sen kies klopodoj kaj laboro EsPrimo-10 ne estus tiom brila kaj sukcesa!

***Jana Ĥusanova (Jekaterinburg)***

Ĉi-foje EsPrimo estis por mi ege streĉa pro multa laboro pri mia diploma verko. Mi ĝojas, ke malgraŭ manko de la tempo mi sukcesis viziti laŭeble pli da programeroj, kiuj ĉiuj estis tre interesaj, gajaj, neforgeseblaj. Dum EsPrimo-10 plenumiĝis eĉ mia delonga revo partopreni en “ogup”-ludo. Mi ĝojas, ke nia organiza teamo kaj helpantoj el aliaj urboj faris tiom bonan laboron kaj realigis la planitan programon! La aranĝo vere sukcesis!

***Nastja Golovkina (Tjumenj)***

EsPrimo-10 estis unu el la plej bonaj E-aranĝoj de la etosa, enhava kaj organiza vidpunktoj en mia vivo. Akceptu miajn dankojn kaj admirojn!

***Irina Gonĉarova (Odincovo)***

Mi dankas la ĉefajn organizantojn de EsPrimo-10 pro la bonega renkontiĝo! Mi mem la unuan fojon gvidis matenan programereton... kaj tio estas granda respondeco! Vi (organiza teamo) estas veraj bravuloj! Bravas ĉiuj, kiuj partoprenis en la organizado de la neforgeseblaj tagoj. Mi tre ĝojis renkonti malnovajn amikojn... Multajn el ili mi ne vidis kelkajn jarojn. Sed baldaŭ venos la somero kaj ni denove renkontiĝos! Hura!

***Boris Kolker (Usono)***

Estas agrable vidi, ke Jekaterinburgo estas nuna ĉefurbo de la Esperanta Uralo. Bravuloj! Doloriga estas la trofrua forpaso de Viktoro Kudrjavcev.



## KONFERENCO DE LEGANTOJ PRI LA VERKARO DE MIKAELO BRONŜTEJN

***EsPrimo-10, Jekaterinburg, 02.05.2014***

Unu el gravaj kaj pintaj kulturklerigaj taskoj de la organizantoj de EsPrimo-10 estis okazigo de la konferenco de legantoj pri la verkaro de Mikaelo Bronŝtejn. La personeco de la populara rusia Esperanta aŭtoro, liaj prozaj, poeziaj kaj bardaj verkoj, originalaj kaj tradukitaj libroj fone de la baldaŭa jubilea naskiĝdato formis multfacetan konigan kampon, kiu disponigis al interesitaj legemuloj unikan ŝancon kontakti la meritplenan artiston ŝatantan atente observi, plumsperte atesti kaj nedubeble plastike reflekti la travivatan epokon el propraj scioj kaj aŭtentaj spertoj.



La programo realigita en neformala poliloga maniero implicis ankaŭ praktikan celon – atentigi esperantistojn pri la verkoj de la plej populara kaj sukcesa Esperanta verkisto de la nuntempa Rusio. Apartan frandan guston atribuis al la kunveno aktiva partopreno kaj interveno de Mikaelo mem, kiu kore kaj anime estis malfermita al demandoj, opinioj, komentoj.

Post la inaŭgura prezento de la aŭtoro al la publiko kaj liaj propraj vortoj pri la vivovojo ĉiuj ĉeestantoj kunagadis dum duonhoro en kvar grupoj traktante specifajn kreajn branĉojn, pri kiuj la jubileulo jam majstras ne malpli ol kvindek jarojn, ĉar la unua Esperanta poemlibreto de Mikaelo Bronŝtejn aperis kiam li estis nur 13-jara knabo!

Kun Vladimir Opletajev ŝatantoj de prozaj verkoj provis analizi la stilon de la romanoj, noveloj kaj legolibroj, identigi preferatajn temojn, intrigojn kaj protagonistojn, kiujn virtuoze reliefigas la rakontisto en sia individua beletra maniero.

Poeziŝatantojn kolektis en sia rondo Raja Kudrjavceva. El la stako de pluraj poemlibroj kun centoj da originalaj kaj tradukitaj poemoj estis ekstraktitaj versaĵoj, pri kies ritma formo kaj enhavo unisone ekbatis poeziemaj koroj celantaj deklami, citi aŭ voĉlegi plaĉajn strofojn kaj versliniojn, akcentante la talenton kaj laboremon de la poeto, kiu prave emfazas sian taskon: “La vortojn trovi. L’ pensojn formi. / Aliel viv’ ne bonas por mi”.

Aleksandr Osincev en la grupo pri tradukitaj libroj agitis aŭskultantojn ekkoni la neordinaran scienc-fikcian mondon de la fratoj Strugackij per iliaj romanoj tradukitaj de Mikaelo Bronŝtejn, ĉe kiu la multjara amikeco kun Arkadij kaj Boris Strugackij generis nereturneblan kulturan mision peradi ilian verkaron al la vasta mondo pere de Esperanto.

Sub la gvido de Andrej Peĉonkin ŝatantoj de la barda arto pasiiĝis diskutante pri la rolo de la poeto kaj bardo preta defii sociajn aŭ movadajn obstaklojn kaj aklami novajn ideojn por plibonigi kaj humanigi la vivon.

Reveninte al la plenkunsido ĉiuj grupkuratoroj kaj aliaj konferencanoj povis esprimi siajn opiniojn pri la tuta verkaro de Mikaelo, lia beletra arto kaj liaj apartaj libroj. La poeto subite surprizis ĉiujn prezentante al la publiko la ĵus eldonitan de ”Impeto” poemkolekton “Kaj ekmatenos”. Li koncize referis pri la nova poezia libro, ĝiaj temoj kaj motivoj, deklamis kelkajn poemojn el ĝi. Post la konferenco EsPrim-anoj aĉetis entute pli ol kvin dekojn da libroj kaj kompaktaj diskoj de la verkisto!




La finala parto de la kunveno havigis al pluraj scivolemaj legantoj eblecon intervjui la artiston, meti al li plej diversajn demandojn pri legitaj libroj, aŭtoraj ideoj kaj konceptoj, pri verstekniko kaj kreaj planoj. Mikaelo Bronŝtejn sciigis la aŭskultantojn pri la verkado de nova historia romano pri vivo de rusiaj esperantistoj en la tridekaj jaroj de la pasinta jarcento. Estas konate, ke en ĉiuj liaj prozaj verkoj ĉefrolas esperantistoj kaj oni aspiru nur antaŭĝui momenton, kiam legantoj povos sekvi en la nova libro interesegajn intrigojn en tre komplika postrevolucia periodo de Rusio.

Laŭ opinioj de la organizantoj kaj multaj aliaj partoprenantoj la konferenco al ĉiuj prezentis ekskluzivan eblecon senpere dialogi kun la verkisto, pli bone kompreni la mondon de liaj travivaĵoj, lian individuecon kaj trajtojn de lia stilo. Menciindas, ke la dialogoj ne ĉesis dum la konferencaj horoj kaj daŭris samtage ekster la konferencejo ĝis la malfrua nokto. Mikaelo subskribis kelkajn dekojn da libroj donacante aŭtografojn al ĉiuj ŝatantoj de liaj verkoj. Espereble la konferenco stimulis plurajn interesitojn trovi, pruntepreni, akiri librojn de la rusia E-verkisto, legi ilin, kunsenti in-

teresajn peripetiojn, ĝui originalan lingvaĵon kaj finfine fariĝi literaturaj adeptoj de Mikaelo Bronŝtejn, al kies baldaŭa jubileo estis dediĉita ĉi tiu evento. En unu el siaj poemoj li asertis, ke "Talento estas nur / aldono al laboro – / laboro ĝis frenez', / laboro ĝis senmovo, / ĝis kiam trans fenestr' / naskiĝas tago nova." Ĉiuj EsPrim-anoj deziras al Mikaelo multajn kreajn tagojn sur senlime vasta literatura kampo kaj atendas liajn novajn verkojn!



*Vladimir Opletajev (Surgut)*

## REZULTOJ DE LA LITERATURA KONKURSO "MI VIDAS LA MONDON"

**Poezia branĉo**

1. Tatjana Vŝivceva (Miass) – "Neĝa kanto", pro la fidinde belaj bildoj, ritmo kaj rimordo.
2. Viktor Laptev (Ĉeljabinsk) – "Pastoralo", pro la bele pentrita siberia pejzaĝo.
3. Oljga Ŝiljajeva (Glazov) – "Eble venos la tempo", pro la anime travivitaj ideoj.
3. Tatjana Vŝivceva (Miass) – "La antaŭvintra melankolio", pro la interesaj poeziecaj figuroj kaj emfazitaj melankoliaj sentoj.

**Proza branĉo**

1. Vladimir Opletajev (Surgut) – artikolo "Rusa betulo", pro la riĉa, bone pripensita enhavo kaj modela lingvaĵo.
2. Vladimir Opletajev (Surgut) – rakonto "Ekmarŝo. Ĉapitro unua", pro la interesaj vortumoj en la beletra teksto.
3. Lidija Jerofejeva (Niĵnij Tagil) – rakonto "Vidkapabla animo", pro la humaneco de konceptoj pri la ĉirkaŭa mondo.

* Laŭda mencio. Jana Husanova (Jekaterin-



burg) – artikolo “La mondo tra sciencaj okulvitroj”, pro la provo science percepti la mondon.

* Laŭda mencio. Tatjana Vŝivceva (Miass) – rakonto “Jubileo”, pro la beletreca prospero.

**Membroj de la ĵurio**

Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)
Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)
Ludmila Novikova (Moskvo)

## LA 3-a SESIO DE KER-EKZAMENO EN MOSKVO

Grava evento okazis la 17-an de majo 2014, nome – la vica tutmonda sesio de la KER-ekzameno.

En Moskvo la aranĝo pasis en la Infana kulturcentro “Provincija”, apud la metrostacio “Elektrozavodskaja”. Ĝin partoprenis 10 personoj, 9 el ili estas kursanoj de la E-lernejo, funkcianta ce MEA MASI.

El la 10 ekzamenitoj du junuloj: Aleksandr Lebedev (FaRo-38) kaj Aleksej Nistratov (lerninto de Svetlana Smetanina), dum la 2-a sesio venkintaj la nivelon B2, plenumis la taskojn de C1, du: Irina Konopljanova (FaRo-39) kaj Aleksej Balabanov (FaRo-41), laboris pri B2, kaj 6: Aleksej Legornev (FaRo-2), Dmitrij Bogatov, Tatjana Fjodorova (ambaŭ – FaRo-39), Aleksandr Negazov, Vsevolod Ĉepikov, Natalja Laziĉ (ĉiuj – FaRo-41) konkeris la taskojn de B1.

La ekzameno, kiel ĉiam, pasis en bona amika etoso, kiu ne malhelpis al ĉiuj labori plentempe, plenforte kaj tre serioze.

La sesion en Moskvo organizis la prezidanto de la Rusia ILEI-sekcio Svetlana Smetanina kaj la instruisto de MEA MASI Irina Gonĉarova. Asistis membroj de REU-Estraro Nikolao Gudskov kaj Roman Bolŝakov (Roĉjo), fotis MASI-aktivulino Julija Samsonova.




Koran dankon al ĉiuj organizantoj de la valora kaj grava mondskala evento kaj al la ekzamenitoj! Vi diligente laboris – kaj ni certas, ke vi ĉiuj sukcesis!

***Irina Gonĉarova, la kunorganizanto de KER-sesioj en Moskvo***

## LA JUBILEA VsPLESk



La 9-an – 11-an de majo en la ĉarmega urbeto Pljos pasis la regiona renkontiĝo, kiun ivanovaj esperantistoj organizas jam la 15-an fojon – kunlabore kun MEA MASI (Moskvo) kaj la aktivuloj el Niĵnij Novgorod. Malgraŭ ke la aranĝon organizas esperantistoj, ĝi ne estas Esperanta. Pro tio, ke la baza lingvo de la evento estas la rusa, ĝin volonte kaj senĝene partoprenas neesperantistoj. La ofta kaj natura menciado de Esperanto allogas ilian atenton kaj iam venigas al E-studado. Ĉi-foje tiurilate fruktodone funkciis la prelego de Mirina (Irina Gonĉarova) pri SES-Rusio.

La ivanovanoj D-ro PaVo (Pavel Volkov) kaj Stju (Anastasija Ŝoliĉeva) tradicie zorgis pri la turista bazejo kaj pri la enurba programo. Ĉiuj ĝue pasigis la tempon dum la fotoludo, ekskursis al la ĵus malfermita Muzeo de pejzaĝo, vizitis la banejon kun saŭno, partoprenis en fitoteumado kaj diversspecaj masaĝoj. La MASI-anoj Mirina kaj Klera (Julija Samsonova) kunordigis la tutan programon de la evento, Karulino (Jekaterina Beljaeva) estis la ĉefadministranto kaj financisto.

La niĵnij-novgorodanoj venis plej amase kaj plej kontribuis al la programo. Brile gvidis la Malfermon kaj Fermon, la Tandemon kaj Koncerton de niaj talentoj Etulino (Jelena Akimova), kiu okazigis ankaŭ la trejnadon por dezirantoj ŝanĝi sian vivon. Psikologiajn trejnadojn gvidis ankaŭ Ivan Andrjuŝĉenko kaj Jelena Kudrjaŝova. Seninterrompe pasadis la masaĝaj klasoj kaj praktikadoj gvide de Jelena kaj Nikolaj. En la koncertoj kaj metiejoj brilis la familio Kozlov.



Okazis ankaŭ diverstemaj prelegoj kaj kinoseancoj, psikologiaj trejnadoj, manlaboraj metiejoj, intelektaj kaj tablaj ludoj, jogumado, senĉesaj promenadoj en la belega naturo kaj urbeto, gustumado de la bukanitaj fiŝoj ktp. De



mateno ĝis vespero Vladimir Savinov regaladis ĉiujn soifantojn per luksaj ĉinaj teoj. El pli ol 60 partoprenintoj preskaŭ ĉiuj tiel aŭ alie kontribuis la programon. Eĉ la infanoj, inspiritaj de la kreema etoso, sukcesis memstare organizi kelkajn programerojn. Kronis la aranĝon koncerto de niaj talentuloj, kies perlo estis la skeĉoj de niĵnij-novgorodanoj, kaj la koncerto de la ivanova muzikbando “Gamarius”, invitita de la lokaj organizantoj.

La programraporton pri la aranĝo kaj la fotoalbumojn vi povas trovi en la koncerna VK-grupo <http://vk.com/event68573483>. Nepre ne preterlasu la belegan eventon la sekvan fojon!

***Irina Gonĉarova, la 15-jara kunorganizanto de la aranĝo***

## KONFERENCO KAJ JUBILEOJ

En Lucjk la 22-an – 23-an de majo 2014 surbaze de Orienteŭropa universitato nome de Lesja Ukrainka sukcese okazis **Internacia scienca konferenco** dediĉita al la 200-jara jubileo de Taras Ŝevĉenko. Paralele okazis **festado de la 25-jariĝa jubileo de UkrEA**. Entute la konferencon partoprenis pli ol 150 personoj. Dum la solena malfermo elpaŝis vic-rektoro, profesoroj de la unuversitato. Eŭheno Kovtonjuk nome de E-reprezentantoj rakontis pri la asocio, nuna stato de la E-movado, planoj akcepti UK-on en 2017, anoncis aperon de la libro de E-tradukitaj poeziaĵoj de Ŝevĉenko, gratulis ĉiujn okaze de la jubileoj de la fama poeto kaj UkrEA, voĉlegis gratulmesaĝojn de UEA-prezidanto Mark Fettes kaj popoldeputito de Ukrainio Boris Tarasjuk. Okazis festa metado de floroj al la monumento de Taras Ŝevĉenko, prezentado de tradukoj de poeziaĵoj de T.Ŝevĉenko (prelegis V.Pacjurko). Aparte okazis E-rondotablo dediĉita al la jubileo de UkrEA, la vastigita prezidikunsido, gazetara konferenco por lokaj ĵurnalistoj, festa vespermanĝo. La 23-an de majo okazis prelego por studentoj pri E-movado en nia lando kaj UkrEA. La konferencon kaj la E-aranĝojn partoprenis japana e-isto prof. Yoichi Arai.

***(ukrainaj esperantistoj)***

# KARNAVALO, KARNAVALO!

Ĉu vi memoras la pentraĵon de V.Surikov "Venkopreno de neĝa urbeto"? Certe, jes. Ni konas ĝin de nia infanaĝo. Ne ĉiu el gejunuloj tamen scias, ke tio estis tradicia ludo dum Karnavalo (rusa "Maslenica"), popola festo, kiu signifas festadon de la baldaŭa fino de la vintro.

Ankoraŭ antaŭ nelonga tempo oni ne festis Karnavalon oficiale. Tamen preskaŭ ĉiu familio fritis tiutage patkukojn por manĝi ilin en bonkora amika rondo. Nun tiu tradicio estas plene revivigita. Kaj ankaŭ Uljanovska E-klubo uzis eblecon celebri la feston kun geamikoj la 2-an de marto. Invititaj estis gastoj: la ensemblo "Patrujaj vastaĵoj" kaj ĉarma juna pentristino Viktorija Slinjko kun la patrino kaj frateto.



Komence la klubanoj rakontis laŭvice pri la sep tagoj de Karnavalo (certe, esperantlingve, uzante siajn materialojn kaj tekstojn, tradukitajn de Jurij Karcev).

Poste ni vizitis mirindan ekspozicion de la 14-jara Vika. Ne vane ĝia titolo estis "Simfonio de kreado". Vika respondis multajn demandojn de ĉeestantoj, kiuj tute ne volis forpermesi ŝin.

Tamen venis tempo por koncerta programero. Kaj eksonis printempaj kantoj plejparte pri amo, primavero, bonhumoro kaj espero. Jurij Grigorjev, Anatolij Ivanov, Tatjana Ĉumak, Natalja Skobelkina, akompanitaj de Alina Rodionova, ree ĝojigis nin. Versaĵojn, kiuj kunligis programerojn, deklamis Julija Molĉanova.

Kaj poste... Certe, patkukoj! Rondaj kaj orkoloraj, grandaj kaj malgrandaj! Kun kelkaj specoj de plenigaĵoj kaj kovraĵoj! Manĝi ilin estis vera plezuro. La festa tablo baldaŭ malpleniĝis. Kaj aliaj karnavalaj tradicioj (sledado, neĝbulbatalo, pugnaj bataloj – precipe kontraŭ si mem, rajdado sur balanciloj) iĝis jam simple neimageblaj. Sekve, ni adiaŭis ĝis la nova kunveno, rememorinte la proverbon "Не всё коту масленица..." (Ne eblas ĉiama karnavalo por kato).



***Margarita Karceva***
***(Uljanovsk)***

## FESTIVALAJ SABATETOJ

Uljanovsk festis. Ĝi festis “Tagojn de Eŭropo”. Tial nia tradicia marta festivalo estis prokrastita kaj okazis (laŭ deziro de la universitata ĉefino) la 26-an de aprilo. Tial estis decidite aranĝi tiel nomatajn “Festivalajn sabatetojn”, dum kiuj la urba E-klubo kaj ĝiaj geamikoj faris gastvizitojn. Sukcesis pasi du aranĝoj, titolitaj ”Festivalo gastas ĉe vi!” Kaj tio ŝajnis tre interesa por ambaŭ flankoj: por lingvaj prezentantoj kaj vizitantoj de tiuj ĉi prezentoj – instruistoj kaj gelernantoj de du urbaj lernejoj. Ni preparis dek du programojn kaj dum du horoj konatigis aŭskultantojn kun diversaj lingvoj: la ĉina, sveda, greka, itala, germana, angla (ankaŭ por novuloj), franca, nepala, kimra, portugala kaj Esperanto. Esperanton instruis Sergeo Abramov, Galina Aleksejeva kaj Jurij Karcev.

Verdire, la lernantoj tute ne estis nuraj aŭskultantoj. Ĉiufoje ili estis ankaŭ koncertantoj. Kaj ni povis ĝui anglajn, armenajn, azerbajĝanajn, ĉuvaŝajn, francajn, germanajn, hispanajn, italajn, mordvajn, rusajn, tatarajn kantojn kaj versaĵojn, plenumitajn de ili. Diversaĝaj geknaboj aktive partoprenis la programojn, precipe la koncertajn. En la lernejo № 56 (direktoro B.I.Kononetov, kiu vizitis ĉiujn prezentojn persone) ni eĉ estis invititaj al festa tablo kun teo kaj bongustaj kukoj, kun bombonoj kaj fruktoj. Okazis interesaj interparoladoj pri lingvoj, pri tradicioj. Estis tre agrable, ke niaj geamikoj el Ĉinio kaj Svedio bone konis tekstojn de rusaj kantoj, kaj la ĉetablaj “Apudmoskvaj vesperoj” kaj “Katjuŝa” sonis laŭte kaj akorde. Poste estis surprizo: ĉinaj studenoj ekdeziris kanti “Apudmoskvajn vesperojn” ĉine! Do, dirite – farite! Ni aplaŭdis tutkore.




Necesas diri, ke nin prizorgis eksaj studentinoj de la pedagogia universitato, nunaj instruistinoj V.V.Ŝlambirova, M.V.Uljanova (la lernejo № 56), T.S.Zorkina, O.S.Martinenko (la lernejo № 6). Ni dankas vin kaj viajn kolegojn, karaj geamikoj!

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## SCIENC-PRAKTIKA SEMINARIO EN E-KLUBO

La 30-an de marto en Uljanovska Esperanto-klubo okazis scienc-praktika seminario “Lingva bildo de la mondo”. Kadre de la seminario oni

povis konatigi ĉeestantojn kun la internacia lingvo Esperanto. La programon aktive partoprenis studentinoj de la fremdlingva fakultato, lernantoj el kelkaj urbaj lernejoj kaj militlernantoj. Ili partoprenis lingvan kvizon fare de Irina Obuĥova, doktoro de filologiaj sciencoj, kiu ĉiam volonte akceptas nian inviton al kunlaboro. La seminarion malfermis doktoro de geografiaj sciencoj, docento de katedro pri geografio el Uljanovska ŝtata pedagogia iniversitato P.I.Volkova. Ŝia prelego estis dediĉita al ligoj de lingvoj kaj teritorioj. Tute neatendita estis "ponteto", kiun "konstruis" Polina Ivanovna, fininte la prelegon: ŝi rakontis pri deziro de *unu* knabo krei *unu* lingvon por ĉiuj. Certe vi komprenis, ke tiu knabo estis Ludoviko Zamenhof. Do, por gvidantino de la seminario estis tre facile doni parolon al la sekva lektoro, la prezidanto de la urba E-klubo Jurij Karcev, en kies prelego temis pri statuso de Esperanto en la moderna mondo. "Onomatopea leksiko en diversaj lingvoj" estis prelega temo de studentino Elvira Arifullina. Ankaŭ en ŝia informo estis menciita la internacia lingvo Esperanto. Ŝia prelego estas publikigota en la junia scienca artikolaro de nia universitato. Pri Esperanta romanco de Sergeo Tanejev rakontis Oljga Sirotinina, nia klubanino. Ŝi faris interesan prezenton pri la komponisto, lia taglibro, skribita en Esperanto, kaj konatigis nin kun teksto de lia esperantlingva romanco. Ni povis aŭskulti ĝin, plenumitan de Ermita Tarĥan. Necesas diri, ke Oljga instruas en muzika mezlernejo. Tre interesa estis rakonto pri eponimoj en la rusa lingvo, kiun faris niaj junaj gastoj el la gimnazio № 33 sub gvido de instruistino de la rusa lingvo Irina Maliŝeva. La unuan fojon partoprenis nian seminarion militlernantoj. Iliaj diverstemaj informoj pri fremdaj lingvoj estis aŭskultitaj kun granda atento.





Entute estis prezentitaj 12 prelegoj pri temoj, ligitaj kun la

angla, germana, rusa lingvoj kaj Esperanto. Multajn librojn en diversaj lingvoj oni povis vidi en ekspozicio, farita de Larisa Basmanova, bibliotekistino de la fako pri fremdlinga literaturo (Palaco de Libroj). Por la ĉeestantoj ni organizis malgrandan koncerton, kiun partoprenis lernantoj el la muzika lernejo № 9 (gvidantino Natalja Kalej), kaj aspiranto de la pedagogia universitato Sergej Selin, kiu jam la duan fojon dum festivalaj programoj ludis fluton por ni.

Finante, oni devas diri, ke la seminario okazis kadre de la 12-a Lingva Festivalo en Uljanovsk, kaj tio estis jam la dua scienca seminario, aranĝita de la E-klubo dum festivalaj tagoj.

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## DOLĈA MUZEO

Ĉu vi scias ion pri mielo? Certe ne ĉion. Ankaŭ uljanovskaj E-klubanoj ne sciis multe pri ĝi. Tamen post nia vizito al miela muzeo ni eksciis pli multe. Nia vizito al la dolĉa muzeo okazis la 6-an de aprilo. Nin gastame salutis la direktoro de la muzeo Viktor Ivanoviĉ Petuĥov kaj liaj kolegoj. La muzeo havas multajn interesajn eksponaĵojn, tial la ekskurso daŭris pli ol unu horon. La abelbredisto povas multe rakonti pri abeloj, pri konataj homoj, kiuj interesiĝis pri abelbredado, pri abelejoj kaj abelujoj. Viktor Ivanoviĉ Petuĥov estas eksa oficiro. Tamen jam dum kelkaj jaroj li okupiĝas pri abelbredado. Somere li loĝas en vilaĝo, kie troviĝas la abelejo. En la urba muzeo oni povas vidi diversajn modelojn de abelejoj. Li faris la modelojn propramane.

Post la ekskurso tra ne tre varma ejo ni ĝojis altabliĝi kaj trinki varmegan teon kun diversaj specoj de mielo kaj mielkukoj – specifaĵoj de la muzeo, bakitaj laŭ recepto de la direktoro. Ni aperis en la muzeo ankaŭ ne kun malplenaj manoj. Antaŭ la vizito estis jam tradicie farita esperantlingva faldfolio pri la muzeo. Ni donacis ĝin, subskribitan de ĉiuj dek klubaninoj, al la direktoro. Certe ni ne forlasis la muzeon sen aĉetoj. Mielo kaj mielkukoj el la malgranda muzeo bongustas. Krome, ni estis invititaj al abelejo kaj esperas somere viziti ĝin.



***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

# Eksciu, ke...

## REKORDOJ, INTERESAĴOJ, JUBILEO ĈE LINGVO-STUDIO, 1984-2014




Antaŭ 30 jaroj, en fino de februaro 1984 estis fondita nia malgranda entrepreno Lingvo-Studio, kiu estis kaj estas kerno de la nuna Budapeŝta Esperanto-Centro "Eventoj".

Ne multaj firmaoj ĝisvivas tiun aĝon, ĉefe ne en Esperantujo, do ni festas kun ĝojo la datrevenon! Dum la pasintaj 30 jaroj ni funkciis kiel Esperanta sonstudio, eldonejo, redakcio, ni organizis IJS-on, realigis plurajn rekordojn per la gazeto *Eventoj*, kaj plurajn aliajn kun nia nuna Esperanto-Lingvolernejo.

**Kelkaj el niaj fierataj aferoj:**

– Antaŭ la interreta epoko dum 10 jaroj ni eldonis la novaĵgazeton *Eventoj*, kiu per sia 2-semajna (!) aperritmo estis tiam **la plej ofta Esperanto-informilo**. Ĝi havis abonantojn en pli ol 65 landoj...

– *Eventoj* estis la unua (?) gazeto, kiu havis **regionajn represaĵojn**: la budapeŝta preseja originalo estis sendita per rapida poŝto al Pollando, Rusio kaj Litovio, kie oni presis kaj distribuis ĝin al enlandaj abonantoj – kun aldono de sia enlanda informilo...

– *Eventoj* estis la unua Esperanto-gazeto, kiu siatempe registris por si propran interretan domajnon <eventoj.hu>, kaj la unua, kiu publikigis senpage en Interreto sian tutan arkivon!

– La vorton "Lingvo" ni registris por 10 jaroj kiel **leĝe protektitan varmarkon**, kaj du niaj universitataj diplomverkoj (ambaŭ **pri merkatiko**) analizis la agadon de Lingvo-Studio.

– Dum dekkelkaj jaroj ni funkciigas **Esperanto-Lernejon** en Budapeŝto, kiu estas verŝajne la plej (?) granda en Esperantujo. Tri komplete instalitaj lernoĉambroj en 110 $m^2$, kie la Esperantajn **kursojn gvidas 5-8 instruistoj** laŭ kontraktoj... Lernis la lingvon ĉe ni ĝis nun pli ol tri mil personoj...(!). (Mi nur bedaŭras iomete, ke pri tiuj sukcesoj oni ne trovas informojn en la revuo de ILEI.)

– Laŭ mia scio nia instruila pakaĵo "Sukcese ĝis la E-ekzameno..." estas

la **plej (?) ampleksa lernilo-kompleto** en Esperantujo, konsistanta el pli ol 10 integraj eroj! Ni funkciigas tutlandan libroservon kaj ankaŭ senpagan instruisto-peran servon, kiu proponas 96 privatajn Esperanto-instruistojn al dezirantoj dise en la lando.

– Ekde 2003 ni funkciigas propran, unikan, **pagan (!) interretan kurson** por hungaroj. *Ne temas* pri la Lernu-kurso, ni mem konstruis propran kurso-sistemon de nulo ĝis B2 (= meza nivelo), sen financado fare de ESF aŭ de alia asocio... Ne estis simple atingi, ke pli ol 4000 personoj elektu nian pagan kurson anstataŭ la senpaga *Lernu*...

– Estas kompreneble ankaŭ multaj aliaj interesaj projektoj.

Pri la pasintaj 30 jaroj de Lingvo-Studio, LS mi kompilis **mallongan resumon, kie la fotojn akompanas klarigaj tekstoj.** Ĝi estas trovebla ĉe la adreso <http://www.eventoj.hu/lingvo-studio-jubileo30.htm>. La albumo estas publika, por rigardi ĝin vi *ne* devas esti membro kaj ne devas anticipe registriĝi, sed la plaĉon oni povas signi per la apuda butono. Por komenci la albumon klaku sur la kandelan foton (kun la nombro 30). Dekstre estas legebla la klariga teksto.

La supra naskiĝtaga albumo montras nur eventojn, ligitajn al Lingvo-Studio, – sed ili estas nur malgranda parto de nia agado. Alian duonon – kiel STEB, Kalendaro, reklamkampanjoj de Eo, filmoj, Ret-Info, renkontiĝoj, FB, landa agado ktp – ni faras kiel volontulan laboron en la kadro de *Fondaĵo Eszperantó* kaj nia loka E-asocio.

***László Szilvási, Ret-Info / Lingvo-Studio***

## FRINGoj

La 19-an – 26-an de aprilo 2014 en la franca kastelo Grezijono pasis FRINGoj (Festa Renkontiĝo Internacia de Geknaboj). El Rusio ĝin partoprenis sufiĉe granda (26 personoj) grupo el Ĉeboksaro, grupeto el Krasnodara regiono kaj 2 personoj el Moskvo. Venis ankaŭ infanoj el Francio, sed ili devenas el Pollando, Rumanio, Barato, Vjetnamio, Kamboĝo, Afriko.

La programo enhavis diversajn atelierojn, kiujn gvidis rusiaj plenkreskuloj: pentrado, origamio, preparado de teatraĵoj, koruso, sportaj ludoj, dancado, lingvaj ekzercoj k.a. Ĉiutage okazis pilkumado, matenaj movludoj, biciklado. Nia grupo organizis vesperajn programojn pri Rusio kaj Ĉuvaŝio kun dancoj, kantoj, naciaj belegaj tradiciaj kostumoj.

Dum senpluva vetero ni vizitis dolmenojn kaj apudan urbeton Bauge, kie troviĝas unu el la plej antikvaj kasteloj kaj apotekejo. En Paska lundo ĉiuj infanoj kune serĉadis en arbustoj ĉokoladajn ovojn. Krom komuna programo kaj restado en E-kastelo ni vizitis kvar plej belajn kastelojn en la Valo de Luaro. Unu el ili – Usse – inspiris la verkiston Charles Perrot, kiu verkis la fabelon "Dormanta belulino" priskribinte ĝuste tiun kastelon kaj ĝiajn ĉirkaŭaĵojn. La aliaj tri estas ĉiuj malsamaj kaj treege imponaj – Chinon, Chambord kaj Chenonceau, ili respegulas parton de la historio de Francio, la vivon de francaj reĝoj, damoj kaj kavaliroj. La impresoj restis neforgeseblaj, ĉiuj faris multajn fotojn kaj aĉetis memoraĵojn. Fine de la semajno estis komuna koncerto en la salono Zamenhof de la kastelo. La koncerton vizitis la urbestro de Bauge. Riĉega koncerto plaĉis al ĉiuj, eĉ al la partprenantoj mem, sonis kantoj, muzikaj komponaĵoj, flutludado. Baleto prezentita de la ĝemelinoj Anja kaj Nastja el Krasnodara regiono multe plivigligis la programon. La surscenigon de la rusa fabelo "Teremeto" partoprenis infanoj de diversaj landoj kaj aĝoj.

Reveninte el Grezijono la tuta grupo koncertis antaŭ gepatroj en la urbeto Bondy apud Parizo. La gepatroj organizis bongustajn frandaĵojn post la koncerto. Ni disveturis laŭ familioj por dum sekvaj tri tagoj ĝui Parizon kun ĝiaj fame konataj vidindaĵoj. Ni ŝipumis laŭ Sejno, vizitis Notre-Dame de Paris, promenis kaj manĝis en Montmartre, grimpis al la pinto de Ejfel-Turo, vizitis la muzeon d'Orsey, ĝuis *les Champs-Elisees* kaj Triumfan Arkon. En E-klubo la infanoj montris parton de koncerteroj pri Ĉuvaŝio, ni kune kantis kaj manĝis. La tempo pasis rapide kaj nerimarkeble.

Grandan dankon mi ŝatus esprimi al nia plenkreskula teamo: Aleksandr Blinov, Julija Blinova, Irina Romanova, Andrej Tumaŝkov, Danil Kapitonov, Aleksej Borodin. Ili estas veraj pedagogoj, bonegaj organizantoj kaj



perfektaj helpantoj. Nur dank' al ili kaj nia kunlaboro sukcesis tiom malfacila vojaĝo kaj entute nia restado en Francio.



Mankoj: flanke de la francoj la aranĝo ne estis preparita, ni venis al la kastelo, kiun oni "forgesis" hejti. La unuan nokton ĉiuj plenkreskuloj ekmalsanis, ja ili gardis kaj zorgis pri sano de la infanoj, ne pensante pri si. Malgraŭ tio ĉiuj plenperiode laboris kaj atentis ne nur bonstaton de la infanoj, sed ankaŭ plenumon de la programo. La francaj infanoj tute ne lernis Esperanton, do komuna lingvo forestis. Abundis infanoj el malbonstataj familioj, kiuj aĉumis kaj diboĉis. Ne estis helpantoj por la kuirejo, pro tio ofte vespermanĝo estis tro malfrua. Tiun aranĝon ne eblas nomi esperantista. Endas ĝin fermi. Organiza teamo ne ekzistas.

Estas tre bedaŭrinde por nia grupo elspezi tiom da fortoj, mono, tempo kaj preparlaboro por veni Francion kaj nenion ricevi de la "internacia renkontiĝo". Ni ne bedaŭras, ke venis, tamen tro multekosta estas la peno. Similaj aranĝoj ne estas bezonataj. Fringoj formortis.

***Svetlana Smetanina, ĉeforganizanto de la vojaĝo***

## RIĈPROGRAMA MALFERMA TAGO

Sepdeko da vizitantoj el 13 landoj spitis la pluvan veteron por partopreni en la 40-a Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA sabaton, la 10-an de majo, kiu havis eĉ kvar prelegantojn kaj premiere la programeron *Akademianoj respondas*.

Sub la titolo *Interlingvistiko – ĉu nur intelekta ludaĵo?* Detlev Blanke prezentis scienc-strategiajn konsiderojn, kun germanaj spertoj tiurilate. En sia prelego *La gramatika domo de Esperanto* Wim Jansen uzis la domon kaj ĝiajn konstru-aspektojn kiel metaforon por priskribi trajtojn de la Esperanta gramatiko el la vidpunkto de la funkcia gramatiko.

Okaze de la 90-jariĝo de la verkistino Marjorie Boulton, tri tagojn pli frue, Humphrey Tonkin parolis pri ŝi kaj ŝia verkaro. Lia prelego, *Marjorie Boulton – poeto kore fajra*, jam estas spektebla en la Reta Kinejo de UEA. Fine, sub la titolo *Nefertito kaj Eĥnatono – drameca epizodo el la egipta historio*, Wera Blanke prezentis apenaŭ konatajn eventojn de antaŭ 3 mil

jaroj en la antikva Egiptio.

Katalin Kováts informis pri la 3-a Tutmonda Ekzamentago (17 majo) kaj gvidis duonhoran RISKO-ludon, kutime ludatan en la retejo de edukado.net. Ĉar ĉeestis nur unu estrarano de UEA, Barbara Pietrzak – plimulto de ŝiaj kolegoj ja loĝas ekster Eŭropo – la oftan programeron *Estraranoj respondas* anstataŭis respondado de kvin anoj de la Akademio de Esperanto. Sub la gvido de la prezidanto Christer Kiselman kun la publiko interparolis vicprezidanto Brian Moon kaj la akademianoj Kováts, Tonkin kaj Pietrzak.

La programon fermis anglalingva informa filmo pri Esperanto, produktita de la usona landa asocio ELNA en 1984. En la duonhora filmo la fama televida figuro kaj aktoro Steve Allen intervjuas William Harmon.

La Libroservo de UEA vendis librojn kaj aliajn varojn sume por 1090 eŭroj. Ne surprizas, ke plej multe furoris du verkoj de Marjorie Boulton: *Poeto fajrakora*, en kiu ŝi analizas la verkaron de Julio Baghy, kaj *Lumo, mallumo kaj kelkaj memoroj* kun la teksto de ŝia rememora prelego en la novembra Malferma Tago en 2004.

La stabo de la Centra Oficejo jam invitas al la 41-a Malferma Tago, kiu okazos sabaton, la 29-an de novembro 2014.

Vidu fotojn el la 40-a Malferma Tago ĉe la adreso <https://www.facebook.com/media/set/?set=a.10152173847958577.1073741838.179539493576&type=1>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LA UNUA IRANA E-KONGRESO OKAZIS EN TEHRANO

La Unua Irana Esperanto-Kongreso (IREK1) okazis en Tehrano de la 24-a ĝis la 26-a de marto 2014 kun pli ol 100 partoprenantoj el 6 landoj de la mondo (Aŭstralio, Francio, Japanio, Koreio, Pollando kaj Irano) kaj 7 provincoj de Irano.

Dum la unua tago de la Kongreso, kiun organizis kaj okazigis Irana Esperanto-Asocio (IREA) kun profesia helpo de Jasna Instituto, post inaŭguraj programeroj, tre similaj al tiuj de la UK-oj (kiel ekz-e kunkantado de La Espero kaj salutado de reprezentantoj de ali-landaj kaj -provincaj esperantistoj/asocioj, i.a. d-ro So Gilsu, veterana korea samideano kaj eksestrarano de UEA), s-ro Lee Jung Kee, estrarano de UEA kaj eksprezidanto de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado de UEA), legis la mesaĝon de d-ro Mark Fettes, la Prezidanto de UEA, al IREK1 en kiu i.a. diriĝis:

"En viaj manoj kuŝas la sorto kaj signifo de la unua Esperanto-kongreso en Irano, lando kun longa kaj glora historio, kiu ludas gravegan rolon en la disvolviĝo de la vasta regiono inter Eŭropo, Azio kaj Afriko. Temas pri re-

giono, kiun ankoraŭ minacas diversaj konfiktoj kaj militoj, kaj kie do urĝe necesas disvastigi tiun pacan spiriton, kiun portas la Esperanto-movado jam de sia naskiĝo."

La artaj programeroj de la inaŭgura tago inkludis 5 komediajn teatraĵetojn pri diversaj aspektoj/servoj de Esperanto (kiel ĝia facileco kaj la Pasporta Servo) kaj ludadon/kantadon de iranaj tradiciaj muzikaĵoj/kantoj, plenumitaj de Vahe-grupo (Vahe en la persa signifas oazon), kies direktorino estas f-ino Niku Mamduhi, teatr-reĝisoro kaj denaska esperantisto.

Poste okazis la interkona vespero dum kiu i.a. s-ro Gay Perrin el Francio montris lumbildojn pri la francaj urboj, en kiuj okazis la unua UK en 1905 kaj okazos la postsekva UK en 2015. Fine de la unua tago s-ino Tahira Masako el Japanio aranĝis viglan aŭkcion de esperantaĵoj kaj donacis la tutan enspezon al IREA.

La dua tago de IREK1 post regalado komenciĝas per tre interesa kaj inspira prelego de s-ro Lee Jung Lee pri liaj spertoj rilate la Seulan Kultur-Centron, kiun li fondis antaŭ 23 jaroj kaj ĝis nun okazigis 266 kursojn tie, komencante novan kurson ĉiumonate. La dua prelego dum la dua tago estis far inĝ. Ahmad Reza Mamduhi, IREA-vicprezidanto kaj la Ĉefdelegito de UEA en Irano, kun titolo "Irano kaj Esperanto".

Samtempe kun lia prelego esperantlingva, en alia salono de Hotel Ŝahr – la kongresejo en la orienta parto de Tehrano – okazis perslingva prezentado de la akceptitaj artikoloj de la kongreso, t.e.: "Manieroj por popularigi la disvastigadon de Esperanto en Irano" (s-ro Ahmad Akbari el Tehrano), "Esperanto kaj ĝia estonta perspektivo" (s-ino Farŝide Arabŝahi el Esfahano), kaj "(Softvaro de) bibliografio de Esperanto en Irano" (s-ro Ali-Asgar Koŭsari el Kermanŝaho).

La tria prelego de IREK1 estis far d-rino Ŝirin Ahmadnia, irana sociologo fama kaj esperantista poeto-verkisto malnova, pri la diversaspekta stato de virinoj en Irano kaj potencialaj helpoj, kiujn Esperanto povas fari por ilia prospero. Ŝi kiel ekz-on priparolis sian kazon: 16-jaraĝe ŝi lernis E-on kaj 23-jaraĝe partoprenis en la Pekina UK en 1986 kaj ekde samaj jaroj ŝiaj poemoj aperis en prestiĝaj internaciaj E-gazetoj kiel "Fonto", "Heroldo de Esperanto" kaj "Monato".

La artaj programeroj de la dua kongresa tago inkluzivis 7 komediajn teatraĵetojn rilate la iranan novjaran tradician sep-so-tablotukon (kiu surhavas sep aĵojn kies nomoj en la persa komenciĝas per la litero "s") kaj tradiciajn/popularajn muzikojn kaj kantojn far Vahe-anoj.

La kvara preleganto de IREK1 estis d-ro So Gilsu, kiu interesoveke parolis pri la bezonataj ecoj de internacia lingvo, t.e. i.a. facileco, perfekteco kaj aplikebleco, kiujn Esperanto havas tre kontentige kaj kiujn malhavas

naciaj lingvoj kiel la angla. Post paŭza regaleto, la kvinan kaj la lastan prelegon prezentis s-ro Golam-Reza Azar-Huŝang, irana verkisto kaj tradukisto, kiu ankaŭ enkondukis Yumeiho-medicinon en Iranon. Titolo de lia prelego en Esperanto estis "Esperanto kaj traduko".

Fine ĉiuj prelegintoj suriris la scenejon por respondi al la ĉeestantarajn demandojn pri siaj paroladoj. Okazis viglaj kaj konstruaj diskutoj. Post tio la rezolucio de IREK1 estis laŭtlegita de d-ro Sayadpour.

Poste al ĉiuj eksterlandaj partoprenantoj de la kongreso IREA-prezidanto d-ro Keyhan Sayadpour sursceneje donacis ekzemplerojn de "Versoj de Persoj" (originalaj poemoj de irananoj en Esperanto) kaj por ili mem, kaj por la bibliotekoj de iliaj Esperanto-Asocioj. Li ankaŭ disdonis honorigajn kongresajn dankleterojn (al 15 personoj) kaj memor-tabulojn (al 17 personoj, i.a. d-ro So Gilsu kaj s-ro Lee Jong Kee) al tiuj, kiuj kontribuis/helpis al okazigado de IREK1. Por komuna fotado, kaj en la hotela salono kaj en la malferma spaco de la hotelo – gvidate de d-ro So Gilsu, – ĉiuj kongresanoj pozis, iuj kun siaj honorigaj kongresaj dankleteroj kaj memor-tabuloj.

La tria tago de IREK1 estis dediĉita al ekskursoj al du vidindaĵoj de Tehrano (Golestan Palaco kaj Taĝriŝ Bazaro), en kiuj partoprenis ĉ. 40 personoj.

***(landa agado)***

## EKSPOZICIO "ESPERANTO KAJ KOLEKTADO" DEMANDAS PRI VIAJ KOLEKTOJ

La 27-an de septembro en 2014 (kadre de la tutlanda filatela ekspozicio) okazos ankaŭ inaŭguro de la nova tutjara ekspozicio kun la supra temo en la Esperanto-Muzeo Svitavy en Ĉeĥio. Por ke ĝi estu laŭeble plej kvalita kaj bunta, la organizantoj bonvenigus kunlaboron de Esperanto-kolektantoj!

Ni serĉas interesiĝantojn, kiuj pretus senpage disponigi por unu jaro elekton el siaj kolektoj. Bona pritrakto kaj protekto kontraŭ damaĝo aŭ ŝtelo estos prizorgita. Nomoj (kaj laŭ interkonsento fotoportretoj) de la ekspoziciantoj estos videble menciitaj. ĈEA pretas pripagi sendokostojn de la pruntedonontoj kaj ankaŭ bonordan resendon de la materialoj post la fermo de la ekspozicio.




Ni serĉas ekspoziciaĵojn en la sekvaj kategorioj:

1) **“Esperantaĵoj”** – prioritate filatelaĵoj: poŝtmarkoj kaj kovertoj, ankaŭ tridimensiaj objektoj (suveniroj kun Esperanto-motivoj, kuriozaĵoj), krome: insignoj, glumarkoj, medaloj, kalendaroj ktp (ne tiom bildkartoj, krom historiaj antaŭ 1939).

2) **“Kion kolektas esperantistoj”** – specimenoj el diverstemaj kolektaĵoj pri *ne*-Esperantaj temoj: ekz. moneroj kaj bankbiletoj, artaĵoj, popolmetiaj objektoj, folkloraj pupoj, ludiloj ĝenerale k.t.p.

3) **“Kuriozaj suveniroj el eksterlando”**

Bv. sendi vian ĝeneralan oferton al la adreso <muzea-grupo@esperanto.cz> (kun priskribo kaj laŭeble fotoj de la ekspoziciaĵoj). Nur post konkreta interkonsento bv. sendi la elektitajn objektojn. Alikaze ĈEA ne garantias kovron de sendokostoj aŭ ekspoziciigon. Eblas kompreneble ankaŭ persona transdono en Svitavy (aŭ dum Regiona renkontiĝo en Litomyšl). Dankon por via komprenemo, ni antaŭdankas vian intereson kaj antaŭĝojas pri la kunlaboro!

***laŭ Retkomunikoj de ĈEA***
***Ret-Info / Lingvo-Studio***

## STATISTIKO 2013: POR LA LASTA FOJO MALPLI DA MEMBROJ?

En la aprila numero de la revuo *Esperanto* aperis la oficiala statistiko pri la membraro de UEA en 2013. Estis entute 4903 individuaj membroj, t.e. 143 malpli ol en 2012. La falon ĉefe kaŭzis tio, ke Fondaĵo Canuto povis pagi kotizon por 127 membroj malpli ol en 2012 (744 anstataŭ 871). Plej multe da individuaj membroj estis en Germanio (474) kaj Francio (469). Aliaj pintaj landoj estis Brazilo (377), Japanio (354), Usono (267), Nederlando (210), Italio (166), Britio (124), Svedio (125) kaj Ĉinio (129).

Praktike sama restis la nombro de aligitaj membroj, t.e. tiuj membroj de la landaj asocioj, kiuj ne estas samtempe individuaj membroj de UEA. Ili nombris 10019 (-38). La tuta UEA-membraro, kiu konsistas el la individuaj kaj la aligitaj membroj kune, estis 14922 (-181). Malpli-ol-30-jaraj estis 330 individuaj membroj, kiuj do samtempe estis individuaj membroj de TEJO (-65). Krome estis 1660 junaj aligitaj membroj (-48). La junulara sekcio de UEA do havis sume 1990 membrojn (-17).

La revuo *Esperanto* de UEA havis 2968 pagitajn abonojn (-163) kaj *Kontakto* de TEJO 601 (-101).

La Estraro de UEA celas firme meti finon al la malkresko kaj jam povas ĝoji pri bona komenco. Kvankam en jaro de malgranda UK kotizas malpli da tiuj, kiuj membriĝas por profiti de la rabato ĉe aliĝo al UK, fine de marto jam estis cento da membroj pli ol je la sama dato en 2013. Tio indikas, ke

la fina nombro ĉi-jare denove superos 5000. Por certigi eĉ pli fortan kreskon oni pliefikigos la membrovarbadon, enplektante en ĝin ankaŭ komitatanojn kaj delegitojn de UEA. Jam en Rejkjaviko la Estraro krome rajtigis la Centran Oficejon plidensigi la reton de perantoj. La CO ne plu estas ligita al la principo de unu peranto en unu lando, sed ĉiu agema individuo, klubo aŭ alia organizaĵo rajtas iĝi peranto kaj ricevi procentaĵon de la peritaj kotizoj. *(Interesatoj kontaktu la Centran Oficejon.)*

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## ROY McCOY – NOVA KOMISIITO PRI PASPORTA SERVO




En sia aprila kunsido en Norda Italio la Estraro de TEJO nomumis Roy McCoy kiel Komisiiton pri Pasporta Servo. McCoy emeritiĝis pasintdecembre kiel longtempa redaktoro de la Jarlibro kaj prespretigisto de aliaj eldonaĵoj en la Centra Oficejo de UEA. Li pretigis por presado interalie la lastajn du adresarojn de Pasporta Servo (2010 kaj 2011). McCoy akceptis la taskon kun la kondiĉo ne esti ligita al antaŭe fiksitaj limdatoj. Li tamen kredas, ke papera eldono de la adresaro povos esti preta por presado ĝis la fino de junio.

Ankaŭ plena refunkciigo de la reta Pasporta Servo estas antaŭvidata relative baldaŭ. Volontulo en Usono estas nun laboranta pri la ĝisdatigo de ĝia sistema softvaro. Alia volontulo estas serĉata por la kreado de mapoj, dum la landaj PS-organizantoj estos enplektitaj en la pridatenajn laborojn.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## OK FAKULOJ PRELEGOS EN LA BONAERA IKU-SESIO

Surbaze de la prijuĝo de la Komisiono pri Internacia Kongresa Universitato la Estraro de UEA elektis ok prelegojn por la 67-a sesio de IKU, okazonta dum la 99-a UK en Bonaero. La komisiono ricevis entute 16 proponojn. Kiel la rektoron de la ĉi-jara sesio la Estraro jam pli frue elektis la argentinan sciencison Jorge Montanari, kiu ankaŭ mem prelegos.

En Bonaero okazos jenaj prelegoj:

Michele Gazzola: *Lingva justeco: kio ĝi estas kaj kiel taksi ĝin*;

Trezoro Huang Yinbao: *Genetika modifo kaj daŭripova agrikulturo*;

Markos Kramer: *Voĉdonsistemoj, grupaj decidoj kaj iliaj problemoj*;

Francesco Maurelli: *Ontologioj: filozofia koncepto kaj robotikaj aplikoj;*

Jorge Montanari: *Nanomedicino: kontrolita liberigo, revolucio pri kuraciloj*;

Veronika Poór: *Daŭripova ekonomiko por daŭripova mondo*;

Orlando Raola: *De acida pluvo ĝis pliacidigo de la oceanoj*;

Sara Spanò: *Utopio: “ne-lokoj” kaj “bonaj lokoj” inter filozofio, historio kaj psikologio.*

La prelegoj de Kramer, Poór kaj Spanò estos samtempe partoj de kursoj de Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS). La kursoj konsistos el du daŭrigaj prelegoj aldone al la IKU-prelego por pli profunda traktado de la temo. La kunlaboro inter UEA kaj AIS kadre de UK komenciĝis en 1995.

Ĉe la adreso <http://koro49.ru/> ebas trovi preparitan de Sankt-Peterburga E-klubo “Kariljono” ruslingvan ttt-ejon, dediĉitan al Esperanto kaj aliaj planlingvoj.

La prelegotekstoj aperos en la t.n. IKU-libro, lanĉota en UK. Kelkaj antaŭaj volumoj estas ankoraŭ haveblaj ĉe la Libroservo de UEA. Krome, multaj el ili troviĝas en la IKU-sekcio de la retejo de UEA, kie baldaŭ legeblos ankaŭ la resumoj de la ĉi-jaraj prelegoj. Pluraj prelegoj estas spekteblaj en la Reta Kinejo de UEA.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## DU STIPENDIULOJ DE UEA STUDOS TERMINOLOGION EN VIENO

En konkurso de UEA Aida Čižikaitė el Litovio kaj Ariadna García Gutiérrez el Kubo gajnis subvencion por vojaĝo al Vieno kaj partopreno en la terminologia somerlernejo, kiun la internacia terminologia reto *TermNet* okazigos de la 14-a ĝis la 18-a de julio. Laŭ Mélanie Maradan, komisiito de UEA pri terminologiaj instancoj, la konkurso allogis sep partoprenantojn, el kiuj unu devis retiriĝi pro aliaj planoj. “La prijuĝo de la dosieroj estis tre malfacila pro la elstara kvalito de pluraj dosieroj”, rakontas Maradan. Por kuraĝigi la kvar aliajn konkursantojn al plua terminologia aktivado oni aljuĝis al ili libropremiojn.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## 35-JARIĜO DE TOMSKA E-KLUBO

La 19-an de majo Tomska E-klubo iĝis tridekkvinjara!

La dato estas preciza, ja ĝuste sabate, la 19-an de majo 1979 dum eksterurba pikniko junaj E-aktivuloj Aleksandr, Mihail Ŝljafer-oj, Aleksej Birjulin, Anatolo Gulidov k.a. (mi mem tiam eĉ ne sciis pri Esperanto, hove, do la tutan liston mi ne scias) decidis: “Estu!”. Multaj eventoj post tiam okazis, multaj esperantistoj naskiĝis kaj diskuris laŭ la tuta terglobo, sed restis E-tomskanoj kiuj daŭrigas la agadon de la glora Tomska E-klubo! GRATULOJN!

***Gennadij Basov (Tomsk-Moskvo)***

## BIBLIOTEKA APOGO *BACHRICH* EKFUNKCIAS

Dank' al malavara donaco de la gefiloj de Johano kaj Maria Bachrich, UEA povis denove starigi fondaĵon por subteni la pliriĉigon de la kolektoj de Esperanto-bibliotekoj. Ekde 1997 funkciis Biblioteka Apogo Roma kaj Poul Thorsen, kies kapitalo elĉerpiĝis en 2011. Lastatempe la gefiloj de ges-roj Bachrich donacis al UEA 20 000 USD (ĉ. 14 500 EUR) kiel kapitalon de la Biblioteka Apogo Honore al la Geedzoj Maria kaj Johano Bachrich. La Estraro de UEA akceptis kun granda dankemo la donacon, kiu laŭ la interkonsento kun la gefiloj Bachrich ebligos subvenciojn dum dek jaroj.

Johano (Juan) Bachrich estis eminenta venezuela esperantisto, kiu naskiĝis en 1921 en Vieno kaj lernis Esperanton en 1938 en Zemun (Jugoslavio). Ekde 1948 li vivis en Venezuelo. Li estis longe la motoro de Venezuela Esperanto-Asocio, kiun li reprezentis en la Komitato de UEA ekde 1978 ĝis sia forpaso en 2005. Li estis ankaŭ mecenato de la Movado, kontribuante i.a. al la realigo de la instruaj videoprojektoj *Mazi en Gondolando* kaj *Esperanto: Pasporto al la tuta mondo*. En 2000 li fariĝis Honora Membro de UEA. Lia edzino Maria, ankaŭ esperantisto, naskiĝis en 1936 kaj forpasis en 2011.

Biblioteka Apogo Bachrich disdonos subvenciojn unuafoje ĉi-jare. Ili estas celitaj al Esperanto-bibliotekoj, kiuj ne estas financataj de ŝtata, urba aŭ alia ne-movada instanco. Diference de la iama Apogo Thorsen, kiu subvenciis nur akiron de libroj, la subvencioj estas uzeblaj ankaŭ por aliaj varoj aĉeteblaj ĉe la Libroservo de UEA.

Por peti subvencion, oni sendu priskribon pri la biblioteko kaj liston de dezirataj libroj aŭ aliaj varoj, ordigitaj laŭ prefero. La petoj atingu la Centran Oficejon de UEA ĝis la 30-a de aŭgusto papere (*Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando*) aŭ retpoŝte <direktoro@co.uea.org>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## NOVA PRIHISTORIA LIBRO

Jam multajn jarojn sur bretoj de E-literaturo ne aperas novaj prihistoriaj verkoj. Kaj jen en la manoj mi tenas nove eldonitan libron de Anatolo Sidorov “Эсперанто-движение на Северо-Западе России” ("Esperanto-movado en Norda-okcidenta eŭropa parto de Ruslando”), Sankt-Peterburg, 2014. Komence mi “diagonale” trarigardis la libron. Vere bone historia esploro pri tiu laŭ mi malmulte konata (aŭ eĉ tute nekonata) peco de nia landa Esperanto-movado. Vologda, Karelio, Siktivkar, Murmansk, Arĥangeljsk... – jen estas kelkaj lokoj, pri kiuj estas verkita la historio de E-movado. Eble por multaj (precipe alilandanoj) eĉ mem la nomoj ne estas konataj. Pluraj antikve aspektaj fotoj aldone bone ilustris tiun aktivadon de nordaj kaj okcidentaj esperantistoj. Kaj ankoraŭ unu ĉapitro de la libro. En ĝi estas prezentita materialo pri dek ses lokaj esperantistoj, kiuj aktivadis en komenca periodo de la Esperanto-movado. Unuvorte tiu libro estas ege utila por ĉiuj, kiuj proksime okupiĝas aŭ vere interesiĝas pri la Esperanto-movado. Eble sola manko de la libro – ĝi estas verkita ruslingve kaj ne ĉiuj alilandaj esperantistoj povas legi kaj uzi ĝin...

***Dmitrij Cibulevskij (Ukrainio)***

## STIPENDIOJ POR LA INTERLINGVISTIKA KURSARO

En septembro 2014 ekos nova grupo de trijaraj postdiplomaj interlingvistikaj studoj ĉe la Universitato Adam Mickiewicz (UAM) en Poznano.

Por tiuj, kiuj volus partopreni la studojn, sed kies enspezoj ne ebligas pagi ĉion, ekzistas stipendioj, kiuj kovros almenaŭ la ĉiusemestrajn universitatajn kotizojn. Ilin disponigas la usona fondaĵo *Esperantic Studies Foundation* (ESF), kun apogo de UEA kaj ILEI.

Tripersona mastruma teamo estis starigita inter ESF kaj UAM por prizorgi i.a. la administradon de la stipendioj. La komisiono decidos pri la nombro kaj valoro de la asignotaj stipendioj por la studjaro 2014-2015, kun eblo je ŝanĝoj por la postaj jaroj. Oni atendas povi disponigi stipendiojn por la tuta trijara periodo.

Detalaj informoj pri la kursaro troviĝas ĉe la adreso <http://www.amu.edu.pl/~interl/>. Por informiĝi pri la stipendioj oni klaku la butonon “Mi volas partopreni” en la suba parto de la paĝo. La limdato por kandidatiĝi por stipendio estas la 15-a de julio 2014. La decidon oni komunikos al la petintoj ĝis la 10-a de aŭgusto.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## *Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

### Eŭgeno Pluŝĉenko sur glacia areno

1.
Dek du operacioj
Pri vertebraro.
Bolegis emocioj
Ĉe bar' post baro.

Dolor' indeferentis
Al turnoj-saltoj,
Sed povoj ne konsentis
Pri vol-malŝaltoj.

Kvarobla salt' impresas
Kaj saltkaskado.
Laŭŝajne jam ne ĉesas
Flugem'-flugado.

Tempestas l' Olimpikoj,
Venkemo kantas,
Kaj ĥoro de amikoj
Inspiron skandas.

Li venkis. Lia oro
Medale flama
Imponu kiel gloro
De l' sorto jama.

2.
Kial do la sort' pri li eraris
Post unua lia venko brila?
Kiu do fatal' por li avaris
Novajn venkojn kun festem' jubila?

Sketi ne plu eblis pro l' fizika,
Tre danĝera por la san' doloro.
Li foriris kiel olimpika
Ĉampiono – en la sporta gloro.

## Venko kaj partopreno

Oni dum grandaj sportaj renkontoj
Konas kaj venkojn, kaj malojn.
Venkos ne ĉiuj partprenontoj,
Gajnos ne ĉiuj medalojn.

Gravas ne venko, sed partopreno –
Oni konsole ripetas,
Tamen ĉu indas nura alveno,
Se iuj venki ne pretas?

Nur partopreno, simpla kunesto –
Ĉu interesas verdire?
Kresku brulige ena protesto
Kaj ambicio aspire!

Venkoj ĝojigu jam en agordo
Dum trejnohoroj gratule,
Kantu venkeme ĉiu vivkordo
Dum konkurado stimule!

Brilu konkuraj logaj efikoj
Ne fortimige, ne preme,
Kaj partoprenu en Olimpikoj
Ĉiu sportisto venkeme!

## Rompante glacion

Senkruraj, senbrakaj kaj blindaj sportistoj
Konkure hokeas kaj skias.
Iliaj per sport' al la sorto rezistoj
Senlimon de l' pov' sugestias.

Ĉu vere aspiro al venkoj sufiĉas
Por neimageblaj sukcesoj?
Sed la olimpika simbol' "Mi moviĝas"
Agordas por grandaj promesoj.

Kaj tamen... ĉu eblas kurad' en mallumo,
Kurado ne simple rapida,
Ne nur por ekzercoj kaj taskoplenumo –
Por far' ĉu ne malinvalida?!

Animobsedante, plenigas la honto:
Neniam ja tiel mi povus,
Por voj' per kaleŝ' al la venkhorizonto
Neniel volforton mi trovus!..

Ne plu erarigu l' kutiman konscion
Ĉu-nesupereblaj komplikoj,
Plu rompu la priinvalidan glacion
Furor' de Paraolimpikoj!

---------------------------------------------

## *Boris Pasternak*

### UNUNURAJ TAGOJ

***(trad. Klara Ilutoviĉ, Elektrostalj)***

Dum vintroj vivas en l' imag'
Sunturnaj tagoj plu konstante.
Ne ripeteblis ĉiu tag',
Milfoje reripetiĝante.

Poiomete l' tuta ar'
Da tiuj tagoj vicon trovis,
Kiam la temp' en ĉiu jar',
Laŭŝajne, haltis kaj senmovis.

Memoras ĉiun tagon mi:
Jen mez' de vintro jam alfluas,
Tegment' kaj voj' malsekas pli,
Sur glacier' sun' varmon ĝuas.

Pli haste, ĉu en sonĝekzakt',
Kuniĝi geamantoj glitas,
Sur arboj en varmiga alt'
Porbirda dometaro ŝvitas.

En sia ekdormema vag'
Montriloj de horloĝo pigras,
Pli ol jarcenton daŭras tag',
Plu interbrakumado viglas.

La redakcio de "La Ondo de Esperanto" denove invitas al la tradicia literatura konkurso ***Liro***. Post la pasintjara eksperimento la organizantoj decidis konservi la novan strukturon de la konkurso. Ankaŭ en ĉi tiu jaro la konkurso havos nur tradukajn branĉojn. Por ***Liro-2014*** estas proponataj du tradukendaj verkoj:
1. Traduko el la angla: "The roads we take" – novelo de O.Henry.
2. Traduko el la rusa: "Muĥi" – poemo de Aleksej Apuĥtin.
Legu la regularon de Liro-2014 en la retejo ***La Balta Ondo*** <http://sezonoj.ru/2014/06/>.

***Halina Gorecka***

## *Aleksandr Boboŝko (Blagoveŝĉensk ĉe Amuro)*

### PRI ESPERANTISTOJ

***(tradukis Nikolao Neĉaev, Irkutsk)***

Turmentis nian mondon katastrofo:
La homon ne komprenis la najbar'.
Sed venis monden Majstro Zamenhofo
Kaj detruita estis lingva bar'.
Jubilis por frateco batalanto,
Ekhavis li la ilon por mondpac'.
La il' ricevis nomon Esperanto,
Espero por kabano kaj palac'.
Esperis ĉiam Majstro nia kara,
Ke homoj el Azio kaj Afrik'
Ekvivos iam en la rond' fratara
Kaj hom' por homo estos nur amik'.
Cent dudek jarojn Esperanto havas,
Sed tamen ĉiam junas la popol'
Kaj multajn homojn Esperanto ravas
Kaj regas en l' animoj knaba bol'.
L' popolo iras tra dezerta flamo,
L' popolo sturmas rokon en montar'.
De Javo kaj Bajkal' ĝis Amsterdamo
Belegas Esperanto ĉe gitar'.

---

### ... kaj ankoraŭ iom da bildoj pri EsPrimo-10:





# La 7-a Mezorienta Kunveno...




... okazis la 5-an – 11-an de aprilo 2014 en Tbiliso. Partoprenantoj: pli ol 50 el tri kontinentoj. Ĉefaj temoj: Movado en Kaŭkazo kaj en la Meza Oriento kaj la kartvela poemego “Kavaliro en tigra felo” en Esperanto.




Prelegoj: Prelego pri Rustaveli (Tea Turmanidze); Ekzerco pri Tamara, reĝino de Kartvelujo (Anna Löwenstein); Prelego pri Armenujo kaj la armena movado; “Esperanto-Libraro” en Bjalistoko, ĝiaj atingoj (Elżbieta Karczewska); Prelego pri Esperanto en la Mezorienta Regiono (Renato Corsetti); Kiel “artefarita” lingvo “naturan kvazaŭetnon” kreis (Aleksandro Melnikov). Ekskursoj: al la malnova ĉefurbo Mcĥeta, tra la urbo Tbiliso kaj postkongresa dutaga ekskurso tra la orienta vin-regiono.

Dankon al ĉiuj kartvelaj organizantoj kaj ĉefe al Nana Ĥizambareli!

***Renato Corsetti (Italio)***






www.lernu.net

# Somera Esperanto-Studado

## 17–25.08.2014

## Rusio, Moskvo




www.ek-masi.weebly.com




La **17-25-an de aŭgusto 2014** okazos la Unua Somera Esperanto-Studado en Rusio (SES-R), organizata de MEA MASI kaj E@I. La aranĝo havas du firmajn celojn: instruado de Esperanto al la kursanoj de ĉiuj lingvaj niveloj kaj konatigo de la partoprenanoj kun la lando kaj ĝia kulturo.

**SES 2014 RU** pasos en la ripozejo «Komponent», apud la vilaĝo Koltyŝevo de la Solneĉnogorska distrikto, 60 km nordokcidente de Moskvo, en arbara tereno kun bela lago, plaĝo kaj boatoj, sportejoj, ĉeval-rajdejo kaj senpaga baseno. Partoprenantoj loĝos en diversaj kondiĉoj laŭ sia elekto: de unulitaj ĉambroj kun necesejo kaj duŝejo ĝis tendoj. Ĉiuj havos varian kaj bongustan varman bufedtipan trifojan manĝadon tage – kunviandan, vegetaran aŭ veganan.

## La programo

**Antaŭtagmeze:** instruado pri Esperanto gvid'de la plej bonaj Esperanto-instruistoj en 5 grupoj, laŭ la lingvo-niveloj de A1 ĝis C2. Unikaj liveraĵoj: *Tutperioda* ***kurso pri la rusa lingvo*** por eksterlandanoj kaj ***Tradukista kurso*** por literaturemuloj.
**Posttagmeze:** ekskursoj, prelegoj, laborgrupoj, manlaboroj, dancklasoj, sportoj, ludoj ktp.
**Vespere:** koncertoj, literaturaj horoj, filmo-spektado, teumado, masaĝoj, saŭno, diskoteko, distraĵoj…

## Ekskursoj

**Tuttaga**

al la fama ortodoksa monakejo en **Sergijev Posad** gvid' de esperantisto pastro-monaĥo Tavrion. La historia urbo apartenas al t.n. "Ora ringo". En la 14-a jarcento la sanktulo Sergio Radoneĵskij fondis ĉi tie monaĥejon, kiu iĝis grava kultura centro de antikva Rusio kaj ĝis nun restas la koro de Rusa Ortodoksa eklezio. Tie laboris elstara ikonpentristo Andreo Rublov kaj aliaj famaj historiaj agantoj.

**Duontagaj**

1/ **Muzeo-bieno Ŝaĥmatovo**. Literatura kaj natura muzeo-rezervejo de Aleksandr Blok – la fama verkisto de la "arĝenta jarcento". Bela naturo kaj tute speciala etoso de la noblula bieno de 19-a jarcento.

2/ **Urbo Klin**. Rapide kreskanta industria centro, vizitinda dank' al la domo-muzeo de la mondfama rusa komponisto Pjotr Ĉajkovskij. En la unikan muzeo de kristnaskarbaj ornamaĵoj eblas spekti la procezon de ties kreado.

3/ **Urbo Istra – Nov-Jerusalemo.** Ĉi tie troviĝas belega ortodoksisma monaĥejo de la 17-a jarcento, imitanta sanktaĵojn de la Sankta Tero. La lokaj objektoj estas same nomataj, la ĉefa templo estis konstruita simile al Baziliko de la Sankta Tombo.

## Moskvaj Tagoj antaŭ SES 2014 RU

Antaŭ tiu SES-R de la **13-a ĝis la 16-a de aŭgusto** pasos riĉa ekskursa program en Moskvo. Hostelo en la centro de la metropolo, busoj kaj ekskursoj estas jam rezervitaj. Konatiĝu ĉi tie: http://ses.ikso.net/2014/ru/Anta%C5%ADkongreso kaj nepre kaputu la raran ŝancon!

La **aliĝilo:** http://ses.ikso.net/2014/ru/Ali%C4%9Dilo

Aliaj informoj: http://ses.ikso.net/2014/ru/; http://www.studado.ru/2014/; mirinda.strigo@gmail.com

**B O N V E N O N !!!**

**ATENTON!!! La dua aliĝperiodo finiĝas la 1-an de junio! Ŝparu vian monon – aliĝu tuj!**